VIIa jaro. No 110 ★ Duonmonata ★ 20 Oktobro 1911

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**

Jara abono ...... 2,00 $ (5 fr. »)
Luksa eldono..... 2,50 $ (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :
HECTOR HODLER

**REKLAMO**

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). 20 Sd.
Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . 15 Sd
Korespondado (1 enskribo) . . 20 Sd
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



# KIEL NIN ORGANIZI ?

La neceseco de organizo por ĉiu ajn movado havanta socian celon estas tiel ĝenerale rekonata, ke insisti pri ĝi estas ja tute superflue. Sed se pri la *principo* de organizo akordiĝas ĉiuj, ĉesas tiu akordo, kiam oni devas decidi pri *formo* de tiu organizo. Tiam, se oni volas eviti ĥaoson, estas necese ne sole empirie krei diversspecajn organizajojn, sed ankaŭ scii antaŭvidi kiamaniere ili interrilatos kaj dependos unu de la alia, tiel ke ili estu harmoniaj partoj de unu tuto, sed ne memstaraj centretoj sin reciproke konkurencontaj kaj malhelpontaj. Starigi organizajojn, voĉdoni regularojn, disdoni novajn titolojn, ne signifas krei ordon. Ordo estas atingata nur kiam ĉiuj organizajoj rilatantaj al sama movado havas klaran propran taskon kaj povas harmonie kunlabori. Tiu harmonio ne devas esti sole la rezultato de la bonvolo de l'individuoj, esence ŝanĝiĝema, sed la rezultato de la organizo mem de la institucioj.

En la plimulto de la movadoj, la demando pri organizo elvokis disputojn, ofte tre akrajn, ĝis pli-malpli definitiva ordo povis esti starigata.

Ankoraŭ en la periodo de diskutado staras nun nia movado. Kompletan harmonian organizon ĝi ne ankoraŭ havas, sed multajn disajn organizajojn, pli-malpli fortajn, kun pli-malpli difinita tasko.

Sed antaŭ ol vidi, kiamaniere tiu organizo povas esti realigata, estas utile ekzameni, kiuj organizajoj nun ekzistas, en kia vico ili naskiĝis, kiun bezonon ili celas respondi. Estas evidente, ke la maniero laŭ kiu estis kreitaj la ĝisnunaj organizajoj kaj rigardo super ilia nuna laboro, estas valoraj montroj por la estonteco. Vivkapabla ordo estos starigebla ne per detruado de ĉio ekzistanta kaj rekonstruado de io nova neelprovita, sed per kunligado kaj unuigo de tio, kio ekzistas kaj pri kio la sperto montris, ke ĝi havas realan utilon.

* *

Se oni trarigardas la historion de Esperanto, oni konstatos, ke jam ofte la demando pri organizo okupis la atenton de niaj samideanoj. Jam frue, kiam la nombro de la Esperantistoj ne superis milon, ili sentis la bezonon kunigi siajn disajn fortojn per organizo. Oni konas la malfeliĉajn provojn de « Ligoj de la Esperantistoj », starigitaj en tiu tempo. Sed la malsukceso de tiuj cetere tre malfirmaj kaj neregulaj organizajoj ne venas de tio, ke organizo de la Esperantistoj estas neebla aŭ nedezirinda, sed de tio ke ili estis starigitaj sur principoj, kiuj povis nur detrui ilin.

La « Ligo », efektive, celis samtempe la propagandon kaj la reformadon de la lingvo, t. e. du celoj absolute kontraŭaj. La lingva unueco estas la unua kondiĉo por ĉia progreso de nia movado kaj ĉiu Esperantista organizajo, kiu volos vivi, nepre devos konsideri la lingvon kiel fakton ekster diskuto. Oni ne devas miri, ke — ne atentinte tion — la « Ligo » pereis meze de senfinaj lingvaj diskutoj. Almenaŭ al la lasta el ili oni ŝuldas la decidon, ke la lingvo restu senŝanĝe — kio fine permesis al la Esperantistaro sin dediĉi al pli fruktoporta laboro.

La « Ligo » estis provo de internacia organizajo konsistanta el individuoj. Post ĝia malsukceso oni provis alian vojon, nome organizi la Esperantistojn laŭ la teritorio, sub la influo de tiu ideo, ke la kondiĉoj de propagando (oni ĉesis paroli pri reformado, sed ne ankoraŭ parolis pri

uzado) esence varias laŭ la landoj kaj lokoj, kaj sekve postulas memstarajn organizaĵojn. Jam ĉirkaŭ 1896 ekzistis kelkaj Esperantistaj grupoj — la unua organizaĵo en nia movado — kaj en 1898 fondiĝis la unua nacia societo kun propra organo. Tiu societo, kiu limigis sian agadon al Francujo, celis la propagandon kaj la instruadon de la lingvo, kaj la klopodojn ĉe la oficialaj aŭtoritatoj. Laŭ la ekzemplo de Francujo, la Esperantistoj de aliaj landoj, starigis similan nacian societon.

Je la epoko de la Bulonja Kongreso ekzistis kelkaj naciaj societoj kaj sufiĉe granda nombro de grupoj. Tiam denove aperis proponoj por internacia organizo de la Esperantistoj. Unuj deziris nur lingvan aŭtoritaton por gardi la unuecon de la lingvo ; aliaj deziris lingvan kaj propagandan organizaĵon. Ni rimarku, ke tiam oni tute ne parolis pri uzado. Oni scias, kio okazis. La Kongreso voĉdonis la Deklaron pri Esperantismo, laŭ kiu la lingvo estis fiksata per la Fundamento kaj por konstati ĝian evoluadon, ĝi elektis Lingvan Komitaton ; la aliajn projektojn ĝi ne diskutis. Cetere la Kongreso estis videble kontraŭa al ĉiu aŭtoritato, kiu direktus la propagandon. Ni atentu, ke la Kongreso, laŭ sia deveno, tute ne havis leĝdonan povon. Ĝi konsistis simple el la personoj povantaj veturi al la kongresurbo, kaj rajtis nur esprimi dezirojn. Ĝi estis konsiderata pli kiel festo kaj manifestado, ol kiel labora kunsido. Estas do klare, ke la Kongreso kiu ne reprezentis la organizatan Esperantistaron, ne povis starigi oficialajn organizaĵojn, kiuj havus aŭtoritaton por la tuta Esperantistaro. La Lingva Komitato, ekzemple, havas nur moralan aŭtoritaton, kiu estos tiom pli granda kiom pli influaj per siaj verkoj estas ĝiaj membroj, sed leĝdonan povon ĝi ne havas — pri kio ni cetere estu feliĉaj.

Kelkan tempon post la Bulonja Kongreso, dank'al privata iniciato, fondiĝis en Parizo Centra Oficejo Esperantista, kiu celis faciligi la preparajn laborojn de la Kongreso, servi kiel sekretariejo al la Lingva kaj Kongresa Komitatoj, kolekti statistikajn informojn pri la Esperantista movado. Kiel ĝin konigis D-ro Zamenhof, tiu institucio estis privata. En Ĝenevo, la dua Kongreso konfirmis la Lingvan Komitaton, starigis Konstantan Komitaton de la Kongresoj por prepari ilian tagordon, kaj difinis ke la sekretariejo de tiuj institucioj sidos provizore ĉe la Centra Oficejo en Parizo.

Kiel ni supre vidis, la Kongreso ne reprezentis la Esperantistaron — kiu ne estis organizita — kaj ĝi ne havis la povon oficialigi, ĉar oficiala ĝi mem ne estis. Oni do ne komprenas kial je tiu tempo oni komencas paroli pri *oficialaj* institucioj Esperantistaj, kvazaŭ la Esperantistaro estus enfermata en ia organizaĵo. La strangeco kaj danĝero de tiu situacio aperis sufiĉe dum la Delegacia afero por ke ni bezonu ree insisti pri ĝi.

Ni konstatas, ke ĝis nun oni parolis nur pri propagando kaj lingvo. Post la spertoj de la Delegaciaj faktoj, aperis la neceseco de l'uzado de la lingvo, kio estas fakte la celo de nia movado. Montriĝis en plej alta grado la bezono de internacia organizo de la Esperantistaro. El tiu postulo kreiĝis U. E. A. En tri jaroj ĝi grupigis 8.000 personojn el ĉiuj landoj, kio reprezentas la pli grandan parton de la tuta Esperantistaro, kaj ĝi laŭpove laboris. Flanke de ĝi organiziĝis kelkaj fakaj societoj, sed oni povas konstati, ke la plimulto el ili estas en la realeco nenio alia ol propagandaj societoj, kiuj anstataŭ agi ĉe iu loko, agas internacie ĉe iu fako. Ili do ne estas plene kompareblaj al U. E. A.

Post la kreo de U. E. A. oni daŭris sin okupi pri internacia organizo. La institucioj nomitaj « oficialaj » estis fakte tiel malmulte oficialaj, ke iliaj monrimedoj havis privatan fonton. Venis do la neceseco facile komprenebla ilin certigi en pli konstanta maniero. Plie, la sukceso de U.E.A. konvinkis multajn, ke regula internacia organizo estas ebla — kion ili antaŭe neis — sed, pro homa eco tre ofta, ili juĝis pli bone imiti la organizon de U. E. A. kaj provi la kreadon, flanke de ĝi, de nova internacia organizaĵo. En Barcelono la demando estis denove agitata kaj oni decidis krei nur Financan Konsilantaron.

En Antverpeno la Kongreso transformiĝis en rajtigitan delegitaron de la propagandaj organizaĵoj kaj elektis komisionon por studi la organizan demandon por la proksima kongreso. Ni bone rimarku, ke la kongresa rajtigita delegitaro ne reprezentas la tutan Esperantistaron, kiel oni kelkfoje erare diras, sed nur la propagandajn organizaĵojn, kiuj elektis ĝin. En tiuj organizaĵoj ekzistas multaj personoj, kiuj ne scias la lingvon kaj tial *ne* estas esperantistoj (laŭ la Bulonja deklaro, kiu estis sankciita de la rajtigitaj delegitoj mem). Aliparte ni vidis, ke flanke de la propagando reprezentata de la grupoj, naciaj societoj kaj kongresaj institucioj, ekzistas la uzado reprezentata de U. E. A., kiu kunigas uzantojn de la lingvo kaj sekve enhavas nur Esperantistojn. La propagandaj organizaĵoj estis ĝis nun organizitaj nur loke kaj nacie (ĉar propagando kaj instruado de la lingvo estas ĉefe lokaj kaj naciaj aferoj), dum U. E. A., estis organizita internacie (ĉar la uzado de Esperanto estas esence internacia afero). Se oni nun kreas *internacian* propagandan organizaĵon, tiam estos du memstaraj organizaĵoj internaciaj, unuparte la jam ekzistanta U. E. A., aliparte la dirita propaganda organizaĵo. La neevitebla rezultato de tiu dueco estos konkurenco kaj malordo. Kiel ni jam diris (1), la peresperanta kaj poresperanta flankoj de nia movado ne estas tiel apartigataj ke por ĉiu el ili ni povu havi unu specialan organizaĵon. Ambaŭ organizaĵoj sin turnos proksimume al la sama publiko kaj laboros kun la samaj personoj ; ambaŭ bezonos monon, subtenon kaj laborantojn — tiom da kaŭzoj por konkurenco kaj disperdo de fortoj. Mi ne kredas, ke la Esperantistaro estas preta pagi internacie du kotizaĵojn por la plezuro havi du instituciojn (2), kiuj malhelpos unu al la alia, kaj sekve pligrandigos la konfuzecon de la organizo de nia movado, jam tiel komplika ke el dek Esperantistoj la duono komprenas nenion pri ĝi kaj la resto ofte eraras (3). Organizi la Esperantistaron sur la ekskluziva bazo de la propagandaj institucioj estus eble ĉe la epoko de la Bulonja kaj Ĝeneva Kongresoj, ĉar oni tiam celis nur propagandon. Nun, oni komprenis kaj konstatas, ke estas io alia, egale interesa kaj grava por la estonto de nia movado, nome la internacia uzado de esperanto, por kiu estis kreita speciala organizaĵo. Diri ke unu estas oficiala kaj la alia privata afero estas facila aserto, kiun neniu fakto pravigas. Rilate al la Esperantista movado nenio estas oficiala ĉar tiu movado ne estas organizita. Propagando kaj uzado ne reprezentas du malsamajn movadojn. Ili estas intime ligataj unu al la alia, sin reciproke helpas kaj kompletigas. Por ke tiu solidareco ne estu sole teoria, sed praktika, estas necese, ke ĝi troviĝu en la institucioj mem.

Restas do nur unu solvo, se oni volas veran ordon, nome organizo de nia tuta movado. Tiuj vortoj povus al kelkaj supozigi grandegan laboron. En la realeco, oni devas malpli organizi, ol kunligi, reguligi, harmonie vivigi sub sama tegmento ĝis nun disajn organizaĵojn.

Antaŭ ol transiri al la praktika realigo de tiu ideo, konvenas rememorigi la elementojn de la solvota problemo :

En la organizo de la Esperanto-movado devos havi lokon laŭ vico de naskiĝo :

---

(1) Vidu *Esperanto* nº 108 : La Organizo de la Esperantistaro kaj U. E. A.

(2) Ĉiu el ili kun propra komitato, Delegitoj (rajtigitaj aŭ ne...), propra Kongreso, oficiala jarlibro, oficiala gazeto, k. t. p.

(3) Pri tio mi ofte konvinkiĝis ĉe Esperantaj ekzamenoj, eĉ kiam la kandidato estis bona propagandisto kaj plie... rajtigita delegito.

# SOCIA VIVO

IDEOJ & FAKTOJ

## La ĉefurbestro de Londono kaj Esperanto

Ĉe lastmonata kunveno de l'Londona Esperanta Klubo, ĉeestis Sir Vezey Strong, ĉefurbestro de Londono, honora membro de U. E. A.

Aludande sian viziton al Vieno, li diris, ke li tie estis sieĝata de personoj parolantaj la lingvon Esperanto kaj dezirantaj, ke ankaŭ li indulgu sin sammaniere. Leterojn li ricevis sennombrajn de Esperantistoj dezirantaj al li ĉian sukceson kaj feliĉon, kaj finantaj per petoj pri intervjuo. Tiujn petojn li plejparte ne povis kontentigi, kvankam li tre ŝatus renkonti la skribintojn. Alveninte Vienon, li trovis, ke ĉiun minuton de lia tempo jam antaŭe postulis la urbaj aŭtoritatuloj, kiuj oficiale gastigis la tutan deputitaron. Sekve, malgraŭ lia deziro renkontiĝi kun la skribintoj, tio estis praktike preskaŭ neebla. Kelkajn li efektive vidis kaj trovis, ke ili estas pri la utilo kaj oportuneco de sia movado plenfiduloj.

En Praha, kiam li alvenis en sian hotelon, li trovis — difinitajn por la instruo — dudekon da Esperanto-lernolibroj. Sendante ilin, oni tre prave diagnozis lian staton, ĉar fakte li tre bezonis instruon. Tamen, eĉ tiun por sia bono konfese bezonatan instruon li ne povis profiti. Sed jen nepra pruvo, se oni postulus pruvon, ke ĉie la Esperantistoj komprenas kaj laŭagas tiun noblan principon, la principo de reciproka fratamo al ĉiuj Homoj indiferente de kiu ajn raso kaj lingvo.

Ili ja volis montri, ke ili estas anoj de unu granda familio. Jen la principo, jam du mil jarojn instruata, kiun en la nuna epoko la Esperantistoj volas per ĉiuj fortoj antaŭenigi.

Tiun principon li forte subtenis. Ŝajnas al li, ke oni nerajtas fari distingojn malfavore por la Homoj, kiuj loĝas ekzemple en proksima regiono aŭ en proksima nacio aŭ kontinento. Oni ne rajtas fari monopolajn pretendojn pri sia virto kaj sia saĝeco, nek pri kiu ajn sia kvalito, pretendante, ke nur en sia urbo, sia lando, aŭ fine sia duonsfero ĝi ekzistas aŭ povas ekzisti.

La virto, la saĝeco povas esti kvalitoj de la tuta homaro ; kaj tiu plej saĝe, plej prudente agas, kiu, konfesante la komunan homecon, estas preta ĉion fari laŭ sia eblo por en pli vasta mezuro ebligi al la membroj de l'diversaj rasoj kaj religioj ĝui de tiu komuna Homeco la bonajn fruktojn.

Ĉiun utilon kaj ĝojon, kiujn la homoj realigas en la hodiaŭa familia kunvivado, ebligis (inter aliaj kaŭzoj) la kapablo esprimi ĉiu al la ceteraj la pensojn kaj la sentojn, sin reciproke helpi kaj kuraĝigi. Kaj tion oni ne povus fari, ne uzante iun komunan lingvon ; jen unu nepra kondiĉo de la familia kunvivado.

Li sentas mem — kaj bone scias ke ankaŭ ili same sentas — ke la tuta mondo estas kvazaŭ pligrandiĝo de la familia principo, — ja estas mem unu granda familio.

Tiun principon, laŭ kiu ĉiu nun vivas en sia familieto sub sama tegmento, oni kulturu kaj plivastigu, ĝis ĉiuj homoj povos kunvivi kaj servi harmonie unu al alia kiel kunmembroj de unu granda homfamilio.

Kaj kiamaniere la homoj tion povos efektivigi ? Nepre kaj nur per sola helpo de iu komuna lingvo, kiu malŝiosos al ĉiu lernonto plezurojn kaj utilojn, kiuj devas resti, sen tia komunikilo kontraŭ preskaŭ la tuta mondo por ĉiam ŝlositaj.

Oni scias, ke en Aŭstrio konkuras dek sep lingvoj kaj dialektoj. Se tio estas vero, sekvas, ke Aŭstriano, kiu volas kompreni nur siajn samregnanojn, devas akiri unue sian patrolingvon, kiel fundamenton, kaj poste dek ses aliajn lingvojn kaj dialektojn. Kiel en Aŭstrio, tiel same en la Brita Imperio. Neniu imperio havis interne de siaj limoj pli da konkurantaj lingvoj. Se oni devus kompreni krom la angla ĉiujn lingvojn ekzemple de Hindujo, la tasko akiri la lingvojn sufiĉe por komuniki kun siaj hindaj samimperianoj okupus eĉ por plej junaj personoj ĉiujn restantajn jarojn de sia vivo.

Se, anstataŭ lerni sian lingvon kaj, ekzemple, dek ses aliajn, oni lernus kiel eble plej kompetente unue sian kaj poste nur unu alian lingvon, kaj se, plue, laŭ la esperoj de ĝiaj probatalantoj, tiu lingvo fariĝus universala ; en tiu okazo la hejma lingvo kun unu alia malŝlosus al la homoj ĉiujn utilojn de la kapablo komuniki kun la tuta mondo.

Jen tre alta celo kaj sufiĉe simpla, por ke li, homo meze klera, povu kompreni kaj akcepti ĝin. Akceptinte mem la celon, li tuj kloplodis ĝin komprenigi al aliaj. Ekzemple en la urbo Praha li renkontis la Princon de Bohemujo, kaj tiu diris : « Mi rimarkas, ke oni multe parolas pri Esperanto, kion tio signifas ? » Laŭ sia eblo li klarigis la bazan motivon, kiu inspiris la kreinton de la lingvo kaj hodiaŭ inspiras ĝiajn probatalantojn. Tiu semeto, kiun li semis ĉe la princo kaj kelkaj aliaj semoj de li dissemitaj en Aŭstrio kredeble donos ĝustatempe sian frukton, sed ĉiuokaze li intencas semi konstante. La afero estas ja mondvasta, kaj nur kelkajn esplori el ĝiaj eblaj sekvoj postulas multe da pripalolado. Li sincere kredis, ke per Esperanto estas solvata unu el la plej gravaj problemoj, kiujn la homaro devas ataki.

Eĉ oni povas diri, ke per Esperanto oni jam solvis la problemon de interkomunikado inter la nacioj ; kaj la solvó nepre efikos multe por la homa bono. Kiam oni plene komprenos la alinacianojn, kiam oni povos aŭskulti ilin pri iliaj bezonoj kaj malfaciloj, kaj paroli al ili pri siaj, tiam la tasko forigi la malfacilojn kaj kontentigi justajn postulojn ne estos tiel malfacila, kiel en la pasinta tempo, ĉar la

---

La propagandaj organizaĵoj, t. e. la grupoj plej ofte kunigitaj en naciaj societoj, kiuj en kelkaj landoj estas forte organizitaj.

La lingvaj institucioj kiel la Lingva Komitato kaj ĝia Akademio.

La kongresaj institucioj kiel la Konstanta Komitato de la Kongresoj, la Esperantista Centra Oficejo kun ĝia Administra Konsilantaro (anstataŭanta la Financan Konsilantaron), kaj la kongreso mem.

U. E. A. reprezentanta la uzadon de Esperanto (1).

Fakaj societoj, ĉu enkorpigataj en U. E. A., ĉu memstaraj. Plie, ni rimarku, ke internacie unu el tiuj institucioj, nome U. E. A., jam havas por si mem elprovitan kompletan organizon kaj kunigas grandan parton de la Esperantistoj.

(*Daŭrigota*). H. HODLER.

(1) La teksto voĉdonita en Antverpeno parolas pri « amikaj kaj efikaj (?) interrilatoj inter la propagandaj kaj la specialaj, fakaj aŭ aplikaj societoj, kiel ekzemple U. E. A. ». Ni rimarku, ke : 1e U. E. A. kun siaj 8.000 membroj kaj kompleta organizo estas tie asimilata al fakaj societoj de 100 aŭ 200 personoj, kies multaj ekzistas nur sur la papero — sentebla diferenco de grado ; 2e Multaj fakaj societoj estas, ni tion supre diris, *propagandaj* societoj celantaj iun fakon anstataŭ teritorio ; aliaj estas *partoj* de U. E. A. — sentebla diferenco de esenco ; 3e « amikaj » rilatoj inter la propagandaj organizaĵoj kaj U. E. A. ekzistis ĝis nun, sed tiu amikeco dependis de la bonvolo de la homoj, dum, por ke ĝi daŭru, estas necese, ke ĝi estu certigata per la sola organizo de la institucioj.

neekzisto de komuna lingvo per si mem naskis multajn malkompreniĝojn.

Malkompreniĝoj! jen la kaŭzo (kiel diris al la Princo en Praha) de tri kvaronoj el la malpacoj inter la nacioj. Se nur oni povus la malkompreniĝojn forigi aŭ eĉ nur malpliigi, oni jam estus farinta ion tre gravan, kies valoron oni ne povus tro alte taksi. Depost tiu memorinda kunveno havita en la *Guildhall* tuj post la kongreso en *Cambridge*) li ne povis dubi, ke la Esperantistoj laboras por tre valora celo; ke, sekve, oni povus eĉ iomete antaŭenigi ilian celadon en la landoj, kie la progreso estas speciale malfacila, oni antaŭenigus per tio la homan bonstaton kaj feliĉecon. Liaj spertoj en Vieno, en Praha kaj en aliaj regionoj de li vizititaj liveris al li novajn pruvojn pri la oportuneco de la Esperantistaj metodoj, pri la vasta kampo de ilia agado, pri la frata sento inspiranta la ĉiunaciajn kaj ĉiurasajn samideanojn, pri la obstino, kiun ili montras laboradante laŭ plej bonaj motivoj por plej bonaj celoj, t. e. por unueco kaj amikeco inter la nacioj, kaj por akceptigi tra la tuta mondo la principon de homa frateco, de unu homa frataro, filoj de unu Patro.

Trad. E. L. Kearney (London).

## Striko de lernantoj en Granda Britujo

Ekscititaj de la granda varmeco de la lastaj semajnoj kaj pro la ekzemplo de la diversaj strikistoj — kiuj en preskaŭ ĉiuj okazoj havigis al si ĉiujn deziritaĵojn — la britaj knaboj decidis ankaŭ uzi tiun lastdatan rimedon por devigi la instruadajn estrarojn alporti pliboniĝojn aŭ ŝanĝojn en la nunan lernejan organizadon.

Naskiĝinte en Kimrujo, la striko baldaŭ ating's Londonon, Manchester kaj Liverpool, kaj nun aliaj urboj, pli malgrandaj, estas trafataj de tiu moderna bonaĵo aŭ malbonaĵo (laŭ la opinioj de l'strikistoj aŭ de la kontraŭuloj).

« Down Books » (Forjetu la librojn) estas la devizo de la junaj malkontentuloj, kiuj uzas metodojn similajn al tiuj de la federacio de la transportkompaniaj laboristoj kaj aliaj metiistoj, strikintaj lastan monaton. Ili kune promenadas tra la stratoj, faras publikajn paroladojn, malpermesas pacemalpace al la fervoraj lernantoj ĉeesti la lernejojn, rompas pordojn kaj fenestrojn de la edukejoj kaj eĉ batalas kontraŭ la policanoj kaj certigas ke ili ne reiros la lernejojn se la strikĉefoj estos punataj. Kial ili strikas? La kaŭzoj estas diversaj kaj multenombraj. La ĉefaj postuloj de la infanoj estas: forigo de la puno per bastoneto; duontaga libertempo ĉiusemajne; pli mallongaj laborhoroj ĉe la lernejo; nenia hejmlaboro; duonhora ludado ĉiutage.

Tiuj demandoj, ĝis certa grado, estas pravigitaj, kaj en kelkaj lokoj jam la edukada komitato malpermesis ke la instruistoj karesu la manojn de la infanoj per la kutima bastoneto kaj petis la lernejestrojn ke ili ne plu retenu ilin ĉe la lernejo post la studada tempo. En diversaj partoj de Londono, la strikistoj estis tiel minacaj kontraŭ la fidelaj lernantoj ke policanoj estis alvokataj al la diversaj lernejoj por protekti ilin, kaj faciligi ilian eniron. — Malgraŭ la publikaj ordigistoj, en du aŭ tri lokoj la malkontentuloj sukcesis resti la mastroj kaj nepre malpermesi ke iu infano — nestrikanta — alproksimiĝu la pordon, dum la strikistoj ĝin eniris kaj rompis ĉion atingeblan pere de ŝtonoj kaj bastonoj. — En aliaj lokoj la kontraŭo okazis, kaj la ekvido de unu alvenanta policisto sufiĉis por timigi kaj forkurigi la amason da junaj pliboniĝemuloj.

Multaj el tiuj knaboj — post unu aŭ dutaga foresto — estis rekondukataj, al la studejo, de siaj gepatroj, kiuj en ĉi tiu okazo ĝenerale subtenas la mastrojn kontraŭ la nekontentuloj — por timo esti devigata pagi la monpunon ŝuldatan kiam la infanoj forlasas la lernejon sen taŭga kaj grava kialo. —

Dum la strikistoj preparis afiŝetojn kun ĉiusperaj devizoj interalie: « Ne plu da bastoneto »! « Pli da libertempo dum la varma vetero »! « Niaj Patroj strikis, kial ne ni »! « Ni strikas! Helpu nin! » aliaj, hontaj pri la sintenado de siaj kamaradoj skribis leterojn al la ĵurnaloj por protesti kontraŭ la striko; jen unu specimeno de tiaj skribaĵoj kiu sufiĉos por montri la opinion de l'junaj lernemaj britoj: « Kara Sinjoro, mi ŝatas miajn lecionojn. Mi estas fiera esti civitano de la brita imperio. Mi opinias ke striko estas malbonega afero. Tiel opinias miaj gepatroj. Mi esperas ke ankaŭ vi opinias same.

Via obeema.

« P.-S. — Senkulpigu la silabadon. Mi estas tre forta je geografio. »

(Tiu rimarko estis necesa ĉar skriberaroj ekzistis en la originala anglaĵo.

* *

Tiu ĉi striko memorigas min pri malgranda striko, kiu okazis antaŭ 13 jaroj ĉe la lernejo kie mi studis en tiu momento kaj dank'al kiu la lernantoj ricevis kelkajn pliboniĝojn ne nur por si mem sed ankaŭ por ĉiuj duagradaj lernejoj en mia lando. Kial la junaj strikistoj ne petis konsilon de siaj belgaj antaŭuloj! Ili certe povus ricevi profitdonan ideon!

Paul Blaise.

## La Japanaj Studento

En la gazeto Medicino Kroniko (Kronike Medicale) S-ro I. C. Balet interese rakontas pri la humilia sorto de la japanaj studento kaj ilia fervoro por studado:

« Ĝenerale malriĉa kaj deziranta ion atingi per la studado la Japano veninta de la provinco komencas per la elektado de ĉambro en *geshiku*, ĉambro de kvar aŭ ses matoj. En tiel malgranda spaco, ne restas loko por unu meblo; cetere tian ne havas la studento. Nenio estas pli facila ol fari la inventaron de lia meblaro. Ni konsideru lin en la momento, kiam malkontenta pri sia mastro, kiu lin malbone nutras aŭ kiun li ne povas pagi, li transloĝiĝas al pli gastigema tegmento. Li vokas teniston de *kuruma*, kiu ŝarĝas liajn matracojn sur sian veturilon; poste, li konfidas al li sian *kori*, skatolo entenanta du vestojn franĝitajn kaj unu ĉapelon fuŝitan; fine, li instalas flanke de siaj *futon*, tablon de nigra ligno, longan 25 centimetrojn, larĝan 20 kaj altan 10; sian pinĉelskatolon kaj siajn studlibrojn; li mem sekvas la veturilon, portante la lampon per unu mano, sian bastonon per la alia kaj ruĝan kovrilon sur la ŝultroj

« La verkisto Mürger, kiel ajn imagema li estis, ne povis revi pri tia malriĉa boemeco. Ĉar ĉambro de ses matoj estas jam lukso kaj kostas ĝis 4 Sm. monate, la studentoj grupiĝas duope aŭ triope por okupi la saman loĝejon. La mastro de la *geshiku* sin repagas per la nutraĵo servata al siaj pensionanoj. Ĝi varias de 5 ĝis 7 Sm. monate. Vi pensas kajn komfortajn menuojn povas servi japana restoraciestro po tia prezo! Krom la rizo, la resto havas nomon en nenia lingvo. Kvankam ilia ventro estas tre elasta la studentoj kelkafoje juĝas tiujn procedojn netolereblaj kaj manifestas, fuŝante la kuirejon kaj rompante la ilojn de sia pensionmastro.

« Kelkaj preferas lupreni ĉambron urbe, en privata domo, kaj mem fari la kuiradon dum la liberaj horoj. Tiuj, kiuj gustumis tiun vivon, konservis pri ĝi emocian rememoron. Inter du lecionoj, ho! la plezuro senŝeligi siajn legomojn, bruligi la fajrujon, enspiri la bonodoron de la saŭcoj preparitaj de si mem! Sed ĉar tio estas grava tempoperdo kaj fariĝas tro burĝa, oni ĵus iniciatis restoraciojn po 3 spesdekoj. Kion ajn oni manĝas stare aŭ side, ovon aŭ terpomon, riztason aŭ bifstekon, la nevariebla prezo 3 spesdekoj estas postulata.

« La japana studento estas ĝenerale laborema. De la malproksima epoko, kiam tiaj homoj kiaj Ito, Mutsu, Inone,

kaŝe studis la anglan lingvon kaj la Eŭropajn librojn, iafoje sin dungigante kiel kajutservistoj sur la fremdaj ŝipoj, alifoje tutdonante siajn servojn al fremda reprezentanto, febro de sciamo kaptis la tutan landon. Estas vere, ke la registaro ĉion faris por ĝin subteni; la organizo de la instruado kaj ĝia vastiĝo estas simple mirindaj. Kaj, male al la kutimo de la malnova tempo kiam oni senkapigis la homojn tro eminentajn, la scienco povas nun konduki al ĉio. Oni vidis jurnaliston, kiu fariĝis ministro; multaj antaŭaj studentoj. kies komencoj, estis malfacilaj, okupis eminentajn postenojn. La spirito de funkciulismo naskiĝis kun la horizontoj, kiujn malkovris la scienco; ĉiu kamparano, kiu povas « puŝi » sian filon de la provinca liceo al superaj lernejoj de Tokio, sekrete esperas, ke li fariĝos almenaŭ ŝtatoficisto. Tial, tiuj humilaj kamparanoj, tiuj malriĉaj vilaĝanoj, estas fervoraj laborantoj. Mi komence parolis pri tiu junulo, kiu nokte plenumas la taskon de *kurumaja* por kompletigi sian lernejan pagon; aliaj iras disdoni la lakton aŭ la gazetojn, de pordo al pordo, matene ĉe la sunleviĝo. Oni ilin nomas *kugakusel*, la lernantoj kiuj penadas por lerni. Kelkaj preferas sin dungigi kiel pordistoj ĉe advokatoj, kuracistoj aŭ deputatoj. Oni donas al ili la nutrajon kaj la loĝejon; sed ĉar ili estas okupataj la tutan tagon, ili povas viziti nur la vesperajn lernejojn... »

Trad A. R.

## Statistiko de slavoj

En Eŭropo ekzistas tri ĉefaj popolbranĉoj: romanoj, germanoj kaj slavoj. Romanoj estis unuaj civilizitaj popoloj, poste, en 18-a jarcento, atingis grandan civilizecon la germanoj (angloj – roman-germana popolo eliris mondan arenon post romanoj kaj antaŭ germanoj). Tria eŭropa branĉo — slavoj — estas lasta kaj ankoraŭ ne atingis sian plenan elvolviĝon. Laŭ vidpunkto nacia slavoj estas nur sur vojo al libereco: poloj, serboj, ĉeĥoj, slovakoj, slovenoj, rusenoj nur tre nelonge komencis viglan batalon por plena memstareco. Laŭ vidpunkto civiliza, nur post 1860-70 ili komencis evolui laŭ tiu direkto. Ĝis 1861 en grandega Ruslando regis oficiala sklaveco, ĝis 1906 en sama Imperio estis uzataj korpaj punoj, vipadoj!

Sendube, kiam slavoj atingos sian nacian aŭtonomion kaj iom civiliziĝos, tiam politika ekvilibro tute ŝanĝos en Eŭropo. Ĉar jen kiom multenombraj estas slavoj en fino de 1911.

| | |
|---|---|
| Grandrusoj | 75.000 000 |
| Rusenoj | 38.000.000 |
| Poloj | 22.000.000 |
| Serbo-Ĥrovatoj | 10.420.000 |
| Ĉeĥoj (bohemoj) | 7.500.000 |
| Belorusoj | 6.000 000 |
| Bulgaroj | 5.800 000 |
| Slovakoj | 2.850.000 |
| Slovenoj | 1.600.000 |
| Kaŝuboj | 0.450.000 |
| Serboj luĵicaj | 0.180 000 |
| | 169.800.000 |

*La serba popolo*

Eble ne ekzistas en la mondo alia popolo tiel dividita inter diversaj regnoj kaj regionoj kiel la serboj. Kvankam serba popolo loĝas en homogena maso parolanta unu solan plej belan slavan lingvon, tamen oni konas ĝin sub diversaj regionaj nomoj kvazaŭ aron da diversaj popoletoj. Serboj, sudaj slavoj, kroatoj, ĥorvatoj, ĥorutanoj, dalmatoj, montenegranoj, bosnianoj, hercegovinanoj, istrianoj, slavonianoj, iliroj, makedonoj estas nomoj de la sama popolo. Ĥorvatoj oni nomas katolikojn kiuj uzas latinan alfabeton tre similan je la esperanta.

Laŭ Prof. Cvijiĉ en 1908 loĝis.

| | | | |
|---|---|---|---|
| En Serbio | 2.750.000 | Dalmatio | 623.000 |
| Montenegro | 260.000 | Istrio | 155.000 |
| Bosnio-Hercegovino | 1.799 000 | Malnova Serbio | 730.000 |
| Hungarujo | 679.000 | Makedonio | 300.000 |
| Ĥorvatio-Slavonio | 2.270.000 | Ameriko k. t. p. | 250.000 |

Entute 9 816.200. Ĉar serba popolo kreskas tre rapide (pli ol 1,5 0/0 jare), sekve en fino de nuna 1911 jaro ĝi atingos ciferon de 10 420.000.

*La rusena popolo*

Inter slavaj popoloj ekzistas granda nacio, egala pri la nombro al la francoj, tute nekonata en Eŭropo. Tiu popolo loĝas en sudRuslando, Aŭstrio kaj Hungarujo kaj estas nomata rutenoj, rusenoj, malgrandrusoj, ukrajnanoj, galicianoj. Ĝia lingvo diferencas de rusa lingvo, same la kutimoj, la fizikaj signoj. En 19-a jarcento komenciĝis kaj fortiĝis nacia movado kiu tamen estas subpremata de rusa registaro. En Ruslando rusenoj okupas plej riĉajn guberniojn kun grandaj urboj Kiev, Ĥarkov, Ekaterinoslav, Odessa, Ĥerson, Novorossijsk, k. t. p. En Aŭstrio ilia ĉefurbo estas Lvov aŭ Lemberg.

Laŭ Prof. Hruŝevski rusenoj loĝis en 1905:

| | |
|---|---|
| En Suda Rusujo | 26.000.000 |
| En Siberio, Ameriko | 3.000.000 |
| En Galicio (Aŭstrio) | 4.570.000 |
| En Bukovino. | 300.000 |
| En Hungarujo | 500.000 |

Entute 34.370.000. En fino de nuna 1911 jaro ilia nombro atingos certe ciferon de 38 000.000.

P. E. S.

## Pri la influo de la « Virina Voĉdonrajto »

Ĉar la Virina voĉdonrajto estas ĉie tiom pridiskutata, ĉu ĝi influus favore aŭ malfavore, estas interese ekscii, kion pri tio pensas tiuj, kiuj vivas en ŝtatoj, kie la voĉdonrajto de virinoj jam de longe estas enkondukita kaj kiuj tial povas studadi la rezultatojn proksime. Wyoming estas, kiel oni scias, la ŝtato, kie la virina voĉdonrajto ekzistas plej longe, de post 1869. La estro de ĉi tiu ŝtato antaŭ ne longe skribis en iu jurnalo pri la bona efiko de virina voĉdonrajto rilate al la familio kaj diris interalie:

« Unue mi diru al vi, ke nenio povas estis pli maljusta, ol la certigo, ke la virina voĉdonrajto havas eĉ la plej malgrandan tendencon disigi familion. Tute male, ĝi efikas la priparolon de la publikaj aferoj en la familia rondo kaj la diskutojn fundamentajn pri publikaj aferoj. Tio havas bonegan influon al la estonta generacio, tial ke la infanoj estas edukataj en sfero kiu kaŭzas intelektan diskuton pri publikaj problemoj kaj tiel ili estas pli bone preparitaj por sin okupi pri publikaj demandoj, kiam ili atingas la voĉdonan aĝon ».

Preskaŭ sammaniere sin esprimas aliaj viroj; prokuroro de Wyoming demandita, ĉu la virina voĉdonrajto en Wyoming favore efikas skribas:

« Mi devas konfesi ke komence, kiam mi logiĝis tie, mi tute ne ŝatis la ideon. Sed vidinte la praktikajn rezultatojn, mi ŝanĝis mian opinion kaj mi estas konvinkita ke la virina voĉdonrajto estas racia principo kaj profiito por la ŝtato. Ĝi interesigas la virinojn pri publikaj aferoj kaj igas ilin studi pri ili. Demandoj pri ĝeneralaj interesoj estas priparolataj en la familio; oni legas pli multe da jurnaloj kaj revuoj kaj tio estas je la intereso de la ŝtato kaj de la familio. Kiel patrino, fratino, instruistino de knabetoj, la virino multe influas al la junularo de la patrujo, konigante al ili sanajn ideojn por la burĝa vivado. Ju pli ŝi konas la devojn de burĝo des pli ŝi povoscias instrui ilin al la filoj. »

Eksmembro de la parlamento Novzelanda skribas: « La

familio estas la apogo de la ŝtato. Ni opinias, ke nenio pli bone kune tenas la familion, ĝin fortigas, ol la samrajta voĉdonrajto por ambaŭ seksoj. Komence ŝajnis strange vidi en publika kunveno duonon de la benkoj okupita de virinoj; sed la viroj kutimitaj al tio ne plu dezirus ĝin ŝanĝi.

Kiam ili povis kunpreni al la kunvenoj la edzinon kaj filinojn kaj poste kun ili parolis pri ĝi hejme, ekkomenciĝis nova familia vivado, vivado plena je komunaj ideoj kaj interesoj. »

La eksĉefministro de Novzelando diras: « Ke la virina voĉdonrajto, malproksima naski kontraŭajojn en la familio, ĝuste per ĝi efikas favore, prezentante al la edzo kaj edzino materialon por saĝa interparolado krom iliaj privataj aferoj. »

Eksestro de Kolorado, Albert W. Mc Intire skribas: « La sperto pruvas, ke tie, kie la viro kaj virino havas voĉdonrajton, la komuna intereso pri publikaj aferoj speciale kunhelpas amikigi ilin pro tio, ke la pli vasta horizonto de l'viro pligrandigas ankaŭ tiun de la virino. »

Prof. H. E. Kelley, antaŭe ĉe la ŝtata universitato en Iowa, nuntempe en Denver, skribas al la estro de Jowa:

« De la tempo, kiam mi venis al Kolorado oni ofte demandis min pri la virina voĉdonrajto. Komence mi tre malmulte interesiĝis pri ĝi kaj preskaŭ ne atentis. Observante nun dum proksimume sep jaroj la politikajn kaj sociajn interrilatojn en Kolorado, mi iom post iom formis mian opinion. La granda valoro de la virina voĉdonrajto konsistas en tio ke ĝi vekas kaj fortigas vivofortan intereson pri la ŝtato. Unu argumento estis la timo, ke ĝi enkondukos malpacon en familion, sed neniam oni aŭdis pri familia malkonsento en Kolorado kaŭzita de la virina voĉdonrajto La membraro de familio ĝenerale interkonsentas en politikaj same kiel religiaj demandoj. La virina voĉdonrajto internigas la familian intereson ĉe publikaj aferoj; ĉar la virinoj koncentrigas ĝin pli multe al sociaj demandoj kaj ne ŝatas nur akiri oficojn. La virina voĉdonrajto helpas la publikan intereson por la socia bono. »

Ankaŭ la respondoj al la enketo pri la rezultato de la virina voĉdonrajto, kiun S-iro Julia Ward Howe nelonge antaŭ sia morto adresis al la pastroj, lernejestroj kal redaktoroj en la « voĉdonrajtaj ŝtatoj Wyoming, Kolodaro, Utah, kaj Idaho, atestas nepre la supre citatan. El 624 respondoj 516 estis favoraj al la virina voĉdonrajto, 62 kontraŭ kaj 46 ne decidaj. La demandon, ĉu ekzistas verŝajneco ke la virina voĉdonrajto estas nuligota, oni preskaŭ unuanime neis.

Trad. (1) F-ino E. Herzog (Del. Davos).

## El rusa kooperativa movado.

La Moskva Unuiĝo de Konsumaj Societoj — organizaĵo unuiganta 500 konsumajn societojn kaj kies jara komerca spezo atingas nun preskaŭ 3 milionojn da Sm., estas tamen tre juna: ĝi ekzistas nur de 12 jaroj. La 29 Julio 1911 estas grava dato en la historio de la rusa kooperativeco ĝenerale kaj precipe en historio de la Moskva Unuiĝo, ĉar tiun ĉi tagon el ĉiuj anguloj de nia vastega lando alvenis Moskvon reprezentantoj de la Konsumaj Societoj de la Unuiĝo kaj dum 3-4 tagoj familie loĝis kaj pace laboris la unuan fojon en sia propra Kooperativa domo. Granda nombro da reprezentantoj (250) kaj multo da gravaj pridiskutitaj demandoj klare montris ke nia kooperativa movado senĉese forte disvolviĝas kaj multon promesas.

El la regiona organizaĵo ampleksanta Centran Rusujon la Moskva Kooperativa Unuiĝo transformiĝas en organizaĵon tutrusan. Ĝi ne kontentiĝas unuigi la societojn de la centra regiono, ĝi etendas sian influon al la limoj de la lando. Por tio jam estas malfermitaj filioj en Rostov-sur-Don, Kiev, malfermotaj en Odesso, eble Ĥarkovo, Cacicino k. c. Plie konsiderante la komercan gravecon de Nijni-Novgorod'a foiro por konsumaj societoj la reprezentantaro decidis aĉeti tie sian propran domon. La unuiĝo varme partoprenas en la organizado de la baldaŭe naskiĝonta Moskva Popola Banko, kies celo estas « liveri monon al ĉiaj kooperativaj entreprenoj por plifaciligi ilian funkciadon » (laŭ § 1 de Statuto de la Banko). Fine por preparadi laborantojn en konsumaj societoj, la Unuiĝo decidis aranĝi specialan kooperativan lernejon k. t. p.

Multaj aliaj gravaj problemoj kaj bezonoj staras antaŭ la Unuiĝo (ekz. propra produktado de diversaj komercaĵoj); grandegan laboron ĝi nune plenumas, per ĉiu paŝo praviganta sian belan devizon: « En unueco estas forto! »

Tugarinov. (Laborkonsulo, Moskvo).

LABORO

## La asekuroj kontraŭ la senlaboreco

*Sekvo (1)*

En Aprilo 1907, Danujo akceptis leĝon similan al la Norvega, laŭ kiu la ŝtato monhelpas la kasojn por senlaboruloj. Tiuj kasoj estas ankaŭ privataj asocioj, kies membroj varbiĝas inter la salajruloj de industrio, komerco transporto kaj terkulturo. Ili havas la ekskluzivan celon helpi siajn proprajn membrojn, kiam ili troviĝas sen laboro, kondiĉe ke ilia senlaboreco ne estu kaŭzata de striko, de lokaŭto, de malsano, de militservo, de aresto, de ebrieco aŭ de forlaso de l'ofico sen pravigebla motivo. Krom tio ne rajtas helpon la membroj dependantaj de bonfarada oficejo aŭ rifuzantaj fari laboron, kiu respondas al iliaj kapabloj kaj estas montrata de la kasa Komitato. Plie, oni ne devas havi malpli ol 18 kaj pli ol 60 jarojn. Por esti rekonataj de la leĝo kaj rajti ŝtatan monhelpon, la kasoj devas havi almenaŭ 50 membrojn kaj sin limigi al iu loko aŭ al iu metio; sed la profesiaj kasoj povas havi lokajn sekciojn. Pri la alteco de l'monhelpo (kiu povas esti donata en la formo de vojaĝo, lupago, taga pago aŭ objekto), la leĝo postulas, ke ĝi ne superu du trionojn de la kutima salajro de l'interesato. La monhelpoj devas esti de 28 sd. ĝis 1,12 Sm. tage. La senlaborulo, kiu petas monhelpon, devas partopreni en la kaso de unu jaro kaj esti paginta siajn kotizaĵojn. La leĝo antaŭvidas de la komenco de l'senlaboreco tempon da 6 ĝis 15 tagoj dum kiu nenia monhelpo estas donata. Se senlaborulo laŭ la montroj de la Komitato aŭ laŭ propra iniciato, entreprenas laboron, kies salajro malsuperas la maksimumon de monhelpo, la kaso povas kompletigi tiun salajron ĝis la dirita maksimumo. La kasoj por senlaboruloj leĝe rekonitaj rajtas monhelpon de la ŝtato egalan al la duono de la premioj pagataj de iliaj membroj (kun la monhelpo de la komunumo); sed estis provizore decidite, ke la partopreno de la ŝtato ne devas superi 150.000 Sm. sumo jam pligrandigita ĝis 225.000 Sm. Krom tio la Komunumoj povas pagi por la membroj de la kasoj loĝantaj sur sia teritorio trionon de la premioj, kiujn ili devos pagi.

⁂

Ĉiuj tiuj provoj estos tre baldaŭ superataj de Anglujo, kun sia ŝtata asekuro kontraŭ la senlaboreco. Francujo jam posedas sistemon de monhelpoj donataj de la ŝtato al la sindikatoj praktikantaj la asekuron kontraŭ la senlaboreco. En Germanujo fine, certa nombro de urboj kiel Strassburg kaj Kœln komencis same agi, sed ne ankoraŭ solvis la problemon en kontentiga maniero. Do, estas absolute urĝe organizi ŝtatan asekuron por la senlaboruloj kaj tiel forigi gravan mankon, kiu ekzistas trans Rejno en la entreprenoj de socia asekuro. Tion atestas ĉiujare la plendokrioj de centmiloj da laboristoj kondamnataj al senageco kaj malsato.

R. Broda, trad. E. S.

(1) El gazeto « Frauenbestrebungen ».

(1) Vidu ESPERANTO nº 106.

# ○ LITERATURA PAĜO ○

# TRA

LA

# ESPERANTA LITERATURO

MUZIKO

**Esperantista kantaro**, 17 liedoj, aranĝita de Karl Jost. — Universala Esperantia librejo, rue de la Bourse, 10, Genève. Prezo (afrank.) : Sm. 0.44.

Multaj esperantistoj jam konas la unuan eldonon de tiu Kantaro. « La nuna eldono estas iom pli enhava ; la muziko kelkaloke estas pli korekta, ankaŭ la teksto, ekzemple ĉe Lorelej, estas ŝanĝita. — La uzantoj eble miros pri « liedo ». Tiu ĉi vorto, proponita de B-no de Ménil, signifas kantario, kanteto, poemo enmuzikita kaj kantebla ».

S-ro Karl Jost prizorgis la tekston, S-roj J. Dobler kaj E. Ducommun la muzikan parton.

La kolekto konsistas el 17 kantarioj (kanto duvoĉa kaj akompano) ; inter ili mi rimarkis Espero, al la Fratoj, la Kapelo, Kanto de Ligo (Zamenhof), Esperantujo (Boucon), Lorelej (K. Jost), ktp.

La muzikemaj esperantistoj kaj grupoj nepre devas mendi tiun bonan libreton, zorge eldonitan. Elspezante nur malmultan monon, ili havos sufiĉe riĉan provizon de belaj arioj facile kanteblaj en Esperantistaj festoj kaj kunvenoj.

**Saluto al Belgujo**. — Poezio de H. Menaldo, muziko de de Ménil. Eldonejo : Espero, Prinsestraat, 48, Hago (Nederlando). Prezo : Sm. 0,40.

La poezio estas bela, vigla la muziko.

**La Tagiĝo**. — Poezio de A. Grabowski, muziko de Baranŝki. Ricevebla de la Administracio de « Pola Esperantisto », Str. Hoza, 20, Varsovio. Prezo Sm. 0,10.

Bela, entuziasmoplena poemo, kiu jam aperis en kelkaj gazetoj (Pola Esperantisto, Danubo, Lingvo Internacia, ktp.). La muziko de S-ro Baranŝki tre bone adaptiĝas al la poezio. Kun vera plezuro mi aŭdis tiun kanton en esperantista festeno.

LITERATURO

**Internacia higiena ekspozicio**. — Dresden (majo-oktobro 1911). Ricevebla kontraŭ respondkupono de D-ro Schramm, Dresden, 20. Germanujo.

Ĉiu Esperantisto devas mendi tiun ilustritan broŝureton, unue pri ĝia interesa enhavo, due por rekompenci niajn Dresdenajn samideanojn pro ilia agemeco kaj bonega propagando : Precipe grava estas, ĉe la fino de la broŝuro, la listo de Dresdenaj firmoj kiuj uzas Esperanton kaj disdonas prospektojn en Esperanto.

**Sableroj**, de Marie Hankel. Germana esperanto-librejo. — Leipzig. — Prezo : Sm. 0.30.

S-ino Hankel kunigis en tiu libreto kelkajn poeziojn kaj prozajojn dissemitajn en diversaj gazetoj.

Ekzemple, en la poezia parto, *Al Sully Prudhomme, adiaŭvorto de la reĝino, sankta nokto..... ;* en la proza, kiun mi pliŝatas, mi legis kun granda plezuro : *ĉu la homo amas la naturon ? — Internacieco — Fabelo — Taŭra kurado en Barcelono*, ktp.

La poezio premiita ĉe la Floraj Ludoj (Rozujo sovaĝa) estas (ĉu mi kuraĝos tion diri ?) nebona. Tiaj mallongaj versaroj ne toleras mankojn kaj nezorgojn. Du versoj estas malĝustaj (*pacience, pacienca* estas ne 3 sed 4 silabaj). *Mi miajn* dufoje estas malbelsona. Vekigis (ĉu ne *vekis* ?).

La libreto finiĝas per du-tri rakontetoj iom malspritetaj, kiuj lasas malbonan konkludan impreson. — VERTO.

**A. Petœfi. Elektitaj poemoj**, trad. Eŭg. Fuchs. — Ludoviko Kokai. Budapest. Prezo : Sm. 0.32.

Dank'al tiu libreto mi konatiĝis kun la hungara poeto Petœfi kaj ne bedaŭras la agrablajn momentojn, kiujn mi pasigis je tiu legado.

Ŝajnas al mi, ke la hungara literaturo ne estas tre konata alilande kaj la hungaraj esperantistoj tre utilos al sia lingvo kaj kulturo, enkondukante en nian internacian trezoron la juvelojn de sia nacia spirito.

Mi legis ialoke, ke la hungara lingvo estas energia kaj konciza, ke ĝiaj radikoj estas simplaj kaj plej ofte unusilabaj, ke ĝi facile formas kunmetitajn vortojn, ke en ĝi ne ekzistas gramatikaj genroj nek deklinacioj, ke la participa modo havas tri tempojn, ktp. Ĉu tiu lingvo ne estas pliaĝa fratino de Esperanto? Kaj ĉu oni ne rajtas esperi, ke pro tiu fratineco ĝiaj poeziaj riĉajoj senpene enŝoviĝos en nian Esperantan literaturon ?

En (ne tre korekte verkita) antaŭparoleto, ni ekscias, ke Aleksandro Petœfi estis la plejgranda hungara lirikisto. Li havis gravan rolon dum la hungara liberecmilito. Sur batalkampo li falis en 1849, laŭ la morto, kiun li mem en belaj versoj ambiciis.

Terure estus al mi en
La lito morti sur kusen',
Forvelki malrapide kiel flor'
Kun mordetanta vermo en la kor',
Perei kiel eta sebkandel'
Brulanta sole en arbarkapel' ;
Ne tian morton donu Di' .....
Se iam ĉiu sklavpopol'
Ribelos kaj per brula vol'
Ekigas fine sub la ruĝa flago
La vekovokon de la granda tago ;
Mondliberec'
Kaj tiranec'
Militos kun koler' en pli ol cent
Bataloj sangaj kontraŭ ĉiu gent' ;
Ĉi tie la mort'
Min trafu !.......

Traspiras en tiu vigla tradukо la vira energio, la flampasio de la originalaj versoj !

Tiuj poezioj estas tre diverstemaj kaj diverssentaj : moralaj, satiraj, humoraj, priamaj, liberecaj, patriotismaj, k. c.

Mi ne povas min deteni, ke mi kopiu (por kontrasti kun la suprecititaj batalemaj versoj) tiun ĉi delikatan poezieton :

Vojaĝinta al la hejmo
Mi pripensis ĉiam :
Kiel mi salutos karan
Patrineton mian ?

Kion belan diros al ŝi,
Se mi hejmen venos,
Kiam brakoj min lulintaj
Varme ĉirkaŭprenos ?

Mi elpensis mil ideojn
Diri al patrino,
Dum la horoj malrapide
Pasis al la fino.

Fine kiam mi ŝin vidis
En la patra domo :
Mi ŝin kisis — senparole,
Kiel muta homo.

∴

*Esperanta biblioteko internacia.* **Komerca Korespondo** (kunmetis J. Borel). — **Konsiloj pri Higieno** (trad. J. Borel). — Berlin, Esperanto Mœller kaj Borel. Prezo : Sm. 0.10.

Jen du praktikaj libroj, kiuj faros grandan servon al la samideanoj dezirantaj akiri monon per eksterlanda komerco, konservi la sanon per higieno aŭ nur plibonigi sian stilon per tralegado de korektaj malkaraj verkoj. VERTO.

# ESPERANTISMO

#### AL NIA LEGANTARO

Ni rememorigas al niaj legantoj, ke ni deziras la kunlaboradon de kiel eble plej multaj samideanoj por la redakto de la rubriko « Esperantismo ». Ne necese estas skribi leterojn : plej ofte sufiĉas poŝtkarto. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri nia movado, sed komprenèble ne devos kelkfoje rezoni, ĉar mankas al ni loko. Ni rekomendas al helpontoj la precizon ; ili bonvolu indiki la daton de ĉiu fakto (parolado, kurso, k. t. p.) la devenon de ĉiu informo. Por artikoloj en naciaj ĵurnaloj, oni sendu al ni se ne la ĵurnalon mem, almenaŭ ĝian titolon kaj daton, la nomon de la urbo, kie ĝi aperas, kaj resuman enhavon de l'artikolo. Plue, kiam komitato organizas nacian aŭ provincan kongreson aŭ eĉ feston iom gravan, estas konsilinde konigi al nia redakcio kiel eble plej frue la daton kaj programon de tiu okazontaĵo. Tiela reklamo ne estas vana por la sukceso. Senutile diri, ke ni poste danke ricevos iom detalan raporton pri tiaj manifestadoj de nia vivado. Ĉiuj korespondaĵoj devas alveni antaŭ la *12a* kaj *27a* de ĉiu monato al la adreso : « Esperantio, rue de la Bourse, 10, Genève, Svislando.

## EĤOJ DE LA SEPA

### Kristana Kunveno

La 25-an de Aŭgusto en la Reĝa Ateneo okazis tre grava kunveno de Kristanaj Esperantistoj. Partoprenis samcelanoj el 7 diversaj landoj. Oni decidis, baldaŭ fondi internacian organizaĵon inter Kristanaj Esperantistoj kaj elektis komisionon de 5 membroj por la starigo de la regularo. La membroj de la komisiono estas : S-ro W. M. Page (Skotlando), S-ro H. A. Luyken (Anglujo), S-ro Sam. Meyer (Francujo), S-ro L. E. Catlin (Usono) kaj S-ro P. Hübner (Germanujo). Oni volonte akceptas proponojn de aliaj samcelanoj. La laboroj de la komisiono estos publikigataj en « Dia Regno ». Kiu interesiĝas pri la afero, skribu al : *Paul Hübner. Dellbrück ap. Kœln* (Germanujo). Oni ankaŭ eldonos poŝtkartojn kun la fotografaĵo de la Kristana kunveno en Antverpen.

### Literaturaj konkursoj

En la nomaro de la premiitoj ni forgesis citi S-ron *James Robbie* (Edinburgh, Anglujo), kiu gajnis la premion de la 23-a konkurso : « Starigo kaj vivigado de grupoj ».

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj Societoj.** — En *Sanghai* (Ĥinujo), kun 30 membroj. — K. Ĉ. San.

En *Eberfeld* (German.) nova grupo « Verda Stelo » ; prezidas S-ro Plate.

En *Washington* (U. S. A.) la « Ingram Memorial Esperanto-Klubo, kiu jam havas 3 klasojn.

**Novaj Kursoj.** — Pli ol 15 estos organizataj en *Lyon* (Franc.). — C.

En *Liverpool* (Angl.) sub la aŭspicioj de la edukada komitato, de la urbkonsilantaro. — G. B.

En *Beaune* (Franc.) 2 kursoj. — J. P.

En *Esslingen* (German.) S-ro D-ro A. Mulert instruis somere 3 kursojn. — M.

**Paroladoj.** — En *Elberfeld* (Germ.). S-ro P. Tarnov, la 10 kaj 12 Oktobro pri la praktika uzado de Esperanto ; la 18 Oktobro ĉe la katolika Unuiĝo pri « Esperanto kaj katoliko ».

En *Washington* (Usono). S-ro F. Schubert, la 19 Septembro ; ĉeestis 150 personoj ; F-ino Hofmann parolis pri la Sepa ; F-ino Stone tradukis anglen. — B. F. S.

**Paroladvojaĝo Parrish.** — En *Breslaŭ* (Germ.), S-ro Parrish parolis 3 fojojn antaŭ 1.400 personoj. — Li jus eldonis programon de sia parolado, kie troviĝas detaloj pri Kalifornio kaj la titolo de la 200 koloraj lumbildoj kun mallongaj klarigoj. Havebla ĉe nia Redakcio.

## OKAZONTAĴOJ

**Esperantista kalendaro.**

*4-5 Novembro.* — Kongreso de galiciaj Esperantistoj en Lwow (Aŭstrio, Galicio).

## TRA LA GAZETARO

∴ *La Revuo*, raporto pri la Sepa :

Cetere intermiksiĝis grava demando : kio fariĝos U. E. A. Kelkaj el la direktantoj de la *Universala Esperanto Asocio*, precipe S-roj H. Hodler kaj Th. Rousseau ŝajnis timi, ke ĝenerala organizado de la propagandaj Societoj forte koncurencos U. E. A. ; ke la apudekzisto de du organizaĵoj, unu *por-esperanta*, la alia *per-esperanta*, estos nebona, kaj ili pensis, ke ĉio devas esti kunfandita. Jam du monatojn antaŭ la Kongreso, S-ro Dejean el *Le Creusot*, la simpatia prezidanto de la Burgunda federacio, estis proponinta planon por ĝenerala organizo per kunigo de ĉiuj jam ekzistantaj oficialaj Institucioj kun U. E. A. Kvankam lia projekto estas iom komplika, ĝi certe estas tre atentinda. Sed fakte troviĝis kelkaj U. E. A. anoj, kiuj eĉ deziris aŭ esperis pli. Laŭ ilia opinio, ĉio devus fine esti submetita, pli malpli rekte, al la U. E. A., kiu fariĝus la ĝenerala direktanto de nia afero.

Neniu povas nei la servojn faritajn de U. E. A. al Esperanto ; ne povas ekzisti Esperantisto, kiu ne rekonas la praktikan utilecon de tiu vasta Asocio ; sed tamen oni ne povas forgesi la rolon kaj la laboron de la propagandaj Societoj. Ili semas, kaj U. E. A. rikoltas.

∴ *La Etulo*, ĉiusemajna ĵurnalo-poŝkarto, ĵus eldonis sian unuan numeron. Ĉiu numero : 4 Sd. ; jare 2 Sm. Redakcio : 71, rue Monge, Paris Ve.

∴ *L'Illustrazione popolare Adriatico Trentina* (Trieste, septembro) publikigas artikolon pri nia lingvo kun la portretoj de D-ro Zamenhof kaj de S-ro D. Cossaro, kiu somere instruis 4 kursojn en Trieste.

∴ *Sammarino* (en S. Marino, Ital. 1a Okt.) anoncas publikan kurson direktotan de S-ro A. Tellini.

∴ Eu *The Warwick Argus* (Anglujo, 22 aŭg.) Artikolo pri nia monsistemo.

∴ En *News* (Liverpool), kooperativa organo, artikolo, kiu proponis, ke oni starigu Esp. kurson por junuloj ĉe la diversaj kooperativoj en Anglujo. — G. B.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Subtenantaj membroj.**

Niaj membroj legos ĉi-cube la artikoleton kiun nia financa fakestro dediĉas al tiu nova kategorio de membroj, kreita laŭ la deziresprimo de nia 2a Kongreso por plibonigi la financan situacion de U. E. A. La kotizaĵo de la subtenantaj membroj estas *2 Sm.* ; ĝi entenas la ordinaran membran kotizaĵon. Ni esperas, ke kiel eble plej multaj membroj bonvolos doni al vi tiamaniere sian apogon kaj helpi al la plibonigo de nia financa stato — necesa bazo por ĉiu estonta progreso.

La aliĝoj por 1912 estas ricevataj de nun. Oni povas aliĝi ĉu senpere, ĉu per la Del.

**Kongresa Dokumentaro.**

La oficiala Dokumentaro de la 2a Kongreso de U. E. A., estos preta en la fino de oktobro kaj sendata al ĉiuj kongresanoj kaj helpkongresanoj. Ĝi enhavos ĉiujn raportojn diskutitajn en Antverpeno, la tekston de la alprenitaj deziresprimoj kaj la nomaron de la Kongresanoj. Ĝi estos utila helpilo por ĉiuj niaj kunlaborantoj.

La personoj kiuj ne ankoraŭ ĝin mendis kaj dezirus ĝin posedi bonvolu aliĝi kiel helpkongresanoj (Kotizaĵo 1 Sm.)

**Urbaj adresaroj.**

Ni rememorigas al niaj Del., ke estas tre dezirinde, ke ili enskribigu sian adreson kiel Delegito de nia asocio en la urbaj adresaroj. Tiu enskribo estas ĝenerale tute senpaga. Eĉ eble oni povas aldoni mallongan noton pri la celo de U.E.A. Jam kelkaj Del., laŭ nia lastjara instigo, sin tiamaniere enskribigis en la urbaj adresaroj. Sama rimarko taŭgas pri la Esperanto-Oficejoj.

**Repagado de la kotizajoj.**

Ni rememorigas, ke la kotizajoj por 1912 estas de nun repageblaj. Samtempe kun la membra kotizaĵo, oni ankaŭ povas pagi aliĝojn al la diversaj fakaj sekcioj kreitaj sekve de la deziresprimo de nia dua Kongreso (Vidu suban artikolon).

**Oficiala Jarlibro.**

En la lasta No ni erare diris, ke la lasta tempolimo por alsendo de korektoj, anoncoj, k. t. p. por la Jarlibro de 1912 estas la 20 Oktobro. Oni bonvolu legi *20 Novembro.* Esperantiaj Entreprenoj, kiuj deziras aperi en la Jarlibro devos anonci sian aliĝon aŭ re-aliĝon antaŭ tiu dato.

**Etato de la Esperantianoj**

Jen la listo de la regionoj, en kiuj la Del. varbis pli ol *40* membrojn dum 1911. La cifero inter krampo montros la membronombron dum 1910 :

| | |
|---|---|
| Ansbach 40 (1). | Kiew 40 (56). |
| Augsburg 72 (166). | Krakow 47 (48). |
| Auckland 42 (0). | Londono 157 (133) |
| Barcelono 57 (54). | Magdeburg 47 (70). |
| Berlino 82 (79). | München 77 (59). |
| Danzig 110 (137). | Moskvo 116 (201). |
| Dijon 49 (27). | Parizo 165 (174). |
| Dresden 92 (78). | Peterburgo 63 (7). |
| Edinburgh 46 (44). | Praha 44 (77). |
| Firenze 48 (76). | Rio-de-Janeiro 52 (42). |
| Genova 119 (78). | Rostov 43 (51). |
| S-Gravenhage 62 (50). | Rotterdam 56 (41). |
| Grenoble 67 (51). | Stuttgart 82 (70). |
| Hamburgo 40 (28). | Trieste 46 (23). |
| Hannover 40 (27). | Valencia 49 (37). |
| Kaliŝ 50 (19). | Varsovio 46 (38). |

El la supraj regionoj, 22 posedas pli da membroj ol dum 1910 kaj 10 posedas malpli. Se ni serĉas kiamaniere estas disdividataj la membroj laŭ regionoj, oni konstatos, ke dum 1911 486 regionoj havis de 1 ĝis 9 membroj (547 en 1910), 114 de 10 ĝis 19 membroj (74), 54 de 20 ĝis 29 membroj (61), 27 de 30 ĝis 39 membroj (16), 17 de 40 ĝis 49 membroj (14), 12 de 50 ĝis 99 membroj (22), 5 de pli ol 100 membroj (6).

**Statistiko.**

Jen la movado de la korespondajoj ĉe la Centra Oficejo de U. E. A., dum la monato Septembro :

| Ricevitaj | Forsenditaj | Mandatoj |
|---|---|---|
| 869 | 1170 | 175 |

Tuta sumo 2214 (sen la Jarilbro). Antaŭa monato 1778.

LA DIREKTORO.

---

**Novaj Del. Vicdel. aŭ Subdel.**

BOOM (Belgujo). — S-ro Jules Cerbaut, asekuristo, Grœnhofstraat.

BOZEN (Aŭstrio, Tirol). — S-ro Wilhelm Wittek, librovendisto, St. Johann 515 I, Villa Engel.

BRNO (BRÜNN) (Aŭstrio, Bohemujo). — Gottfried Neubauer, ĉe J. Lichtenstern & Co., Kœrnergasse 4. (Vicdel).

BRUNO (Usono, Nebraska). — S-ro J. F. Janovy.

DETROIT (Usono, Michigan). — S-ro Fritz Hailer, c/o. Mr. Robert Hartenstein, 203, Breitmeyer Bldg., Telefono : Main 2.409.

ESSLINGEN (Germanujo, Württenberg). — S-ro Otto Jann, not. cand., Pliensaustrasse. (Vicdeleg).

GROENLO (Holando). — S-ro G. G. Sterkenburg. instruisto Beltrum.

HARTFORD (Usono, Ct.). — S-ro G. V. Rudolph Hilding, 29, Chapelstr.

HORNCASTLE (Anglujo, Lincolshire). — S-ro Tom Gordon Briggs, Homeleigh Willow Rd.

MERSEBURG (Germanujo, Prov. Sachsen). — S-ro Georg Mansfeld, inĝeniero, Wilhelmstr. 4.

MIKULOVICE AP. ZNOCHMO (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Josef Jerabek, faka instruisto.

NARWA (Rusujo, Russie du Nord-Ouest). — Jan Tenison, Librejo « Esperanto », Joaĥimstal N-o 61.

PLOVDIVO (Bulgarujo). — S-ro Stojan D. Marev, suboficiro, « Stara Planina », 35.

RECIFE (Brazilujo, Pernambuco). — S-ro Jose A. S. Braga, Ŝparkas-oficisto, Caixa Economica.

ROTTERDAM (Nederlando). — S-ro Franz Pakker, Boompjes 70 e. (Vicdel).

SAÏGON (Coŝinĥinujo). — S-ro Louis Barlet, profesoro, Saïgon.

SCHWAB. GMUND (Germanujo, Württenberg). — S-ro J. Hauer, komercisto, Heugenstr. 11.

TROJAN (Bulgarujo). — S-ro Penko K. Stojev.

VALPARAISO (Ĉilio). — S-ro Juan Jose Ossa Cuevas, Casilla 3.134.

**Ŝanĝoj.**

ADELAIDE : La Del. estas nun : S-ro Frederik Georges Hopper, ĉe W. Haughton & Co. Currie Street. — ANVERS : La Del. estas nun : S-ro W. Van der Biest, Minderbrœdersrni, 76. — BEAUNE : La Del. estas nun : S-ro Henri Mathouillet, komerca vojaĝisto, rue du Rempart. — CHARLEVILLE : La Del. estas nun : Pol Tournier, komerca oficisto, 17, Cours d'Orléans. — CHOLET : La Del. estas nun : S-ro Ernest Boisson, 37, rue Nationale. — DIJON : La adreso de l'Del. estas nun : S-ro Théophile Rousseau, profesoro ĉe la liceo, 37, rue J.-Bte-Baudin. — ERFURT : La Del. estas nun : S-ro Friedrich Luckow, Nordhauserstrasse, 120. — GOTTINGEN : La Del. estas nun : S-ro Hans Steinberg, cand. phil. Untere Karspüle, 7. — HALLE A./S. : La Del. estas nun : S-ro Carl Renken, studento, Pfalzerstr, 19. — KIEW : La Vicdel estas nun : S-ro Maksim Romanienko, Librejo K. Szepe, Nikolaevskaja, 9. — NOTTINGHAM : La adreso de l'Del. estas nun : S-ro E. W. Outen, librotenisto, 8, Ravensmore Road, Sherwood, Nottingham. — NOWY SACZ : La Del. estas nun : Ludwiko Samborski, instruisto, ul Jagiellonska. — OMSK : La adreso de l'Del. estas nun : S-ro Christian Leitong, Siberia Banko (Banque de Commerce de Siberie). — PARIS : La adr. de l'Del. estas nun : S-ro Marcel Génermont, arĥitekto F. D. B. A., 71, rue Monge.

**Eksigoj.**

C. DUBOIS, Del. en Anzin.
Jakobo MEAZZINI, Del. en Arezzo.
Léon BAUDET, Del. en Armentières.
C. JENKIN, Del. en Bealiba.
Hector LAHISSE, Del. en Braine-le-Comte.
Francis J. MONCHON, Del. en Bruning.
Russell R. JOHNSTON, Del. en Buffalo.
A. F. LOVEJOY, Del. en Bundaberg.
SEWERYN-DANILOWICZ, Del. en Bursztyn.

C. Molinar, Del. en Cartagena.
S-ino C. H. Cowles, Del. en Chardon.
W. L. Millett, Del. en Chaters Tewers.
A. Balshaw, Del. en Christchurch.
G. Kœnig, Del. en Dayton.
Eckert, Del. en Denver
Josefo Biro, Del. en Dés.
Theodor Hansen, Del. en Dubuque.
Manuel Barranko, Del. en El Escorial.
G. Sokos, Del. en Etolikon.
F-ino K. R. Litten, Del. en Fremantle.
Masaru Oba, Del. en Fusan.
Miguel Pérez Alcarta, Del. en Granada.
A. Gomez Cruz, Del. en Guadalajara.
Joan Rigol Panella, Del. en Guantanamo.
Mihajlov Dimo, Del. en Haskovo.
A. G. Wilson, Del. en Hebron.
Albin Sandstrom, Del. en Helsingfors.
Baldow, Del. en Heringen.
Keith Dear, Del. en Hobart
R. G. P. Frederiksen, Del. en Junee.
A. Milton, Del. en La Grande.
Ch. A. Vilas, Del. en Milwaukee.
Egedio Tentori, Del. en Modena,
Honorio Leal, Del. en Nietheroy.
Volodimir Fomenko, Del. en Odessa.
W. B. Howard (S-ino) Del. en Omaha.
E. W. Sjœgren, Del. en Ornskœldsvik.
Stefano La Colla, Del. en Palermo.
Ernst Senf, Del. en Pirna am/E.
Emilo Bourrin, Del. en Pornic.
Mario Tzontas, Del. en Pyrgos.
Abraham Rudy, Del. en Raleigh.
T. B. Spiers, Del. en Richmond.
L. P. Levitskij, Del. en Rilsk.
Ch. E. Randall, Del. en Seattle.
Rud. Smejo, Del. en Seĉ.
L. Breur, Del. en Stapporst.
Alois Jouka, Del. en Strazek.
Kazimiej Majevski, Del. en Stretensk.
Johannes E. Smidberg, Del. en Sunne.
Stanislav Kurvllo, Del. en Tarnobrze.
Mihaelo Jurkow, Del. en Tarnopol.
J. T. Jesudhasan, Del. en Tiruvalla.
Camille Desquivre, Del. en Tuléar.
Naglić M., Del. en Tupliĉe.
F-ino M. Cornelis, Del. en Warneton.
H. Newton Lang, Del. en Wilton.
G. Gehrmann, Del. en Zmerinka.

Ne paginte sian kotizajon por 1911, malgraŭ ripetitaj avertiloj, la supraj Delegitoj estas forstrekitaj, konforme al la regularo.

## NIAJ FAKAJ SEKCIOJ

Kiel oni scias, la 2-a Kongreso de U. E. A. deziresprimis pri la kreo de fakaj sekcioj interne de U. E. A. Tiuj sekcioj havos propran kotizajon, interŝanĝe de kiu ĉiu membro ricevos fakan bultenon plurfoje en la jaro. Ĉiu sekciojn povos havi propran nomon, kun la subtitolo « fako de U. E. A. »

Por 1912 la komitato decidis starigi tri fakajn sekcioj, kies provizoran regularon ĝi sankciis — post aprobo de la koncerna komisiono :

**Universala Virina Asocio** (fako de U. E. A). Ĝia celo estas plifaciligi kaj plimultigi la rilatojn inter la ĉiulandaj Esperantaninoj ; studi ĉiujn demandojn kaj helpi ĉiujn entreprenojn, kiuj celas la plibonigon de la socia stato de la virinoj ; propagandi U. E. A. kaj Esperantismon ĉe la virinoj.

La speciala kotizaĵo estas 50 sd. jare. La Oficiala organo estos la *Virina Bulteno*, kiu estos sendata al ĉiuj membroj. La dua N-o aperos en januaro. Viroj ankaŭ povos aliĝi kiel aprobantoj.

**Universala Laborista Asocio** (fako de U. E. A.). Ĝia celo estas plifaciligi kaj plimultigi la rilatojn inter la ĉiulandaj Esperantianaj laboristoj ; studi ĉiujn demandojn, kiuj rilatas al la starigo de praktikaj servoj por la ĉiulandaj laboristoj ; propagandi U. E. A. kaj Esperantismon ĉe la laboristojn kaj laboristajn instituciojn.

La speciala kotizaĵo estas 50 sd. jare. La oficiala organo estos la *Laborista Bulteno*, sendota al ĉiuj membroj, kaj enhavonta ĉiujn informojn utilajn al la laboristoj.

**Universala Interŝanga Asocio** (fako de U. E. A.). Ĝia celo estas plifaciligi la interŝanĝadon de korespondaĵoj, ilustritaj poŝtkartoj kaj de aliaj objektoj, kiel poŝtmarkoj, fotografaĵoj, k.t.p.

La regularo de tiu fako jam aperis en N-104 de *Esperanto*. La speciala kotizaĵo estas 50 sd. jare. La oficiala organo estos la *Interŝanĝa Bulteno*, sendota al ĉiuj membroj.

Povas aliĝi al tiuj diversaj fakoj nur la personoj, kiuj estas *samtempe membroj de U. E. A.* Ĉiu faka sekcio estos gvidata de fakestro, helpata de speciala komisiono. La administrado estos plenumata ĉe la Centra Oficejo de U. E. A. La regularoj de la Laborista kaj de la Virinaj Asocioj aperos en nia venonta N-o.

La aliĝoj por tiuj sekcioj estas ricevataj de nun, ĉu de ni senpere, ĉu de niaj Del.

Ni esperas, ke kiel eble plej multaj Esperantianoj aliĝos al tiuj fakoj, kiuj utile kompletigos nian organizon kaj pli facile permesos al ni penetri kaj agadi en specialaj rondoj.

## Esperantiaj rondirantaj ekspozicioj

Ni atentigas ĉiujn niajn Del., kaj speciale la distrikajn Del., pri la interesa suba artikolo. Ni esperas, ke multaj el ili imitos la la laŭdindan iniciaton de la pariza distrikto kaj starigos tian utilan ekspozicion. (*Red.*)

* * *

La modelo de tiu ekspozicio estas nun finita, kaj tiu, kiun petis de mi la distrikto de Paris, estas fine starigita kaj baldaŭ komencos sian rondiradon. Ĉar la utileco de tiaj ekspozicioj por la diskonigado de U. E. A., en ĉiuj esperantistaj kaj neesperantistaj rondoj estas nepre nedubebla, dezirinde estus, ke multaj el niaj kolegoj, precipe la distriktaj delegitoj, iniciatu saman eldonon en siaj regionoj. Por faciligi ilian laboron, mi ĉi sube donos kelkajn teknikajn informojn pri la maniero, kiel oni povas sen altaj monelspezoj starigi saman kolekton kaj ĝin utiligi.

Nia ekspozicio konsistas el sep kartonoj (oni elektu kartonon ne tro palan, por ke la blankaj surmetitaj paperoj diferencu de la fundo — kaj ne tro malpalan, pro ĝenerala aspekto ; bistra koloro ŝajnas tute taŭga) ; ĉiu kartono ampleksas proksimume 75-50 centimetrojn, kiel fiksmanieron, mi uzis aŭ mallongajn kuprajn kunligilojn, aŭ malgrandajn fendojn detranĉitajn en la kartono mem kaj en kiujn mi enigas la kvar angulojn de la fiksotaj paperoj : gvidfolioj, reklamiloj, k. t. p. — Nun, jen resuma plano de la enhavo de nia ekspozicio :

*Kartono 1*a (parte manskribita). Ĝeneralaj informoj pri U. E. A. : celo, membraro, delegitoj, konsuloj, Oficejoj, entreprenoj, k. t. p. (Nur la titoloj estas skribitaj sur la kartono ; la ciferojn mi skribis sur aparta folio. fiksita provizore en fendoj : tiamaniere, mi povas regule, ĉiudumonate ekzemple, ne ŝanĝante la kartonon, aldoni la novajn aliĝojn) ; administra kaj faka organizo statistikoj, grafikoj,

k. t. p... Sur la kartono estas fiksataj ankaŭ la « gvidilo de l'esperantiano » kaj « aliĝilo ».

La celo de tiu unua parto estas diskonigi nian asocion al nesciantoj kaj aliaj personoj, vizitontaj tiun ekspozicion, kiuj antaŭe neniom aŭdis pri U. E. A.

*Kartono 2a* Oficialaj eldonaĵoj de U. E. A. : *ESPERANTO*, Bultenoj (Komerca, virina, oficiala) ; la jarlibro ; la broŝuroj « l'Esperantisme » (Hodler) kaj « Kiel faciligi la internaciajn rilatojn ? » ; Oficiala dokumentaro de la Kongresoj ; Oficialaj korespondiloj de U. E. A., (leterpapero, kovertoj kaj poŝtkartoj) ; kelkaj komercaj reklamiloj.

*Kartono 3a*. La organizado de la administrado ĉe la Centra Oficejo de U. E. A. Kolekto de la kartoj (de membro, de bonfarinta membro, de Esp. entreprenoj, de subdelegito, de vic-delegitoj, de delegitoj, de konsuloj). Specimeno de membro-kaj aprobanto listo ; kolekto de ok malsamaj slipoj uzataj ĉe la C. O. de U. E. A. por la klasifikado de la membroj, delegitoj, E-Oficejoj, k. t. p. ; kolekto de la kutimaj cirkuleroj presitaj de C. O.

*Kartono 4a*. Gvidfolioj. Sur tiu kartono kaj la du aliaj (5a kaj 6a), mi aranĝis en pli-malpli regula maniero, la 68 gvidfoliojn ĝis nun eldonitajn sub la aŭspicioj de U. E. A. Ĉiuj estas fiksitaj en fendetoj tre simple detranĉitaj en la kartono ; se oni tion zorge faras, la aspekto estas sufiĉe bela kaj la kartono tre pura.

*Kartono 5a*. Gvidfolioj : Ĝenevo, Gibraltar, St.-Gravenhage, Grenoble, Hanovero, Kœnigsberg, Kopenhago, Krefeld, La Rochelle, Lausanne, Le Creusot, Le Hâvre, Leipzig, Le Mans, Limoges, Le Locle, Lyon, Marseille, Morges.

*Kartono 6a*. Gvidfolioj : Mosko, Moulins, München, Nancy, Odessa, Pleven, Poitiers, Pont-de-Vaux, Portsmouth, Prostejov, Rostock, Roznov, San Sebastian, Stockholm, Tours, Varsovio, Viŝnij-Voloĉok, Vladivostok, Woerischofen, Worms.

*Kartono 7a*. Universitataj gvidfolioj : Dijon, Grenoble, Innsbruck, Nancy. — Kelkaj gvidlibroj : Bad-Reichenhall, Anjou, Sens, Vichy, Vivarais, k. t. p.

La nuna disvastiĝo de U. E. A., tra la tuta mondo, montrata per geografiaj kartoj : granda karto de Francujo, kartoj de Eŭropo, Amerikoj, Azio-Oceanio. Sur ĉiu kartono estas presataj, en grandegaj, facile videblaj kaj legeblaj literoj, la titolo : Universala Esperanto-Asocio, kaj malsupre, en pli malgrandaj literoj, detaloj pri la enhavo de la kartono. La kartonojn oni povas, laŭ la okazoj kaj lokoj, aŭ pendigi, per malgrandaj supre fiksitaj preniloj, aŭ simple meti sur la ekspozicia tablo. La tuto, tre malmultepeza, estas enfermata en speciala kesto, facile malfermebla. Ĉe angulo, la titolo : Ekspozicio de U. E. A., distriko de X X X., kaj l'adreso de la distr. delegito. Ĉio, tiel sur la kesto, kiel sur ĉiu kartono, estas redaktata en nacia lingvo. — Kaj nun, ni ekzamenu la koston de tiu ekspozicio. Tre malalta ĝi estas ; ni resumu :

| | |
|---|---|
| 7 kartonoj, po 0. 04 . . . . . . . . . . . . | 0 28 |
| 24 kupraj preniloj, po 0. 04 por dekduo . . . | 0 08 |
| 1 kesto . . . . . . . . . . . . . . . | 0 40 |
| 14 metalfadenoj por la elpendigo . . . . . . . | 0 40 |
| Sume . . . . Sm. | 1 16 |

Kaj ĉar la C. O., sendas la tutan materialon (gvidfoliojn, kartojn, slipojn, k. t. p.) la Dist. Delegito aŭ la organizanto de sama ekspozicio elspezos nur Sm. 1.16. Rilate al la tempo necesa por aranĝi la tutan aferon laŭ la supre dirita plano (kiu, kompreneble estas facile ŝanĝebla laŭvole) oni bezonas maksimume tri aŭ kvar horojn, unufoje por ĉiam konsiderante tiujn tre malaltajn temp-kaj mon-elspezojn, ĉiu sufiĉe grava distriko devus havi, antaŭ la fino de tiu jaro, similan ekspozicion ! Pri ĝia utiligado ĉiu posedonto juĝos laŭ propra sperto kaj specialaj okazoj ; mi nun aldonos, ke oni povas ĝin uzi dum la ĝeneralaj esperantaj ekspozicioj : dum la propaganda sezono, ĉiumonate aŭ ĉiudimanĉe okazas en la distrikto federaciaj, regionaj aŭ lokaj kunvenoj kaj kongresoj ; ĉiufoje la organizantoj akceptos la ekspozicion de U. E. A., kiu alportos al ili gravan materialon. Oni pagigu nur la poŝtelspezojn (ĉiam tre malaltajn cetere). Plej bonan propagandon por U. E. A., oni povas fari per tiu ekspozicio, sendante ĝin ne nur al la esperantistaj rondoj, sed ankaŭ al la neesperantistaj ekspozicioj organizataj en ĉiuj regionoj okaze de komercaj, industriaj, literaturaj, artaj, terkulturaj kongresoj kaj konkursoj. Mi ne volas ĉi tie citi ĉiujn aplikaĵojn de tia rondiranta ekspozicio : ili estas multegaj, kaj laŭ la lokoj kaj kutimoj, ĉiu delegito scios, kiamaniere li devos ĝin utiligi por atingi la plej ŝatindan kaj plej efikan rezultaton. Mi ree faras alvokon al ĉiuj amikoj de U. E. A., kaj precipe al distriktaj delegitoj por ke ili senprokraste klopodu aranĝi esperantian ekspozicion en ĉiuj regionoj ; mi estas je ilia dispono por pluaj detaloj, kiujn ili petos, kaj kun granda plezuro mi donos al ili la praktikajn kaj teknikajn informojn necesajn por utile efektivigi tiun novan propagandilon.

M. Génermont, (Del. Parizo).

---

# LETERO AL AMIKO X...

*(Pro ŝparo de koverto legebla de ĉiu ajn.)*

Kara Samideano.

« **Subtenantaj Membroj** ? Kiel longe ankoraŭ trouzi paciencon nian ? Denove nova kategorio da membroj, tedo al la Delegitoj, elpensaĵo de sekiĝinta burokrato por luti, per la lastaj moneroj eligitaj el la poŝoj de bonkoraj kredemuloj, kelkajn novajn fendojn en via mizera kaseto ? » Jes, amiko, vi estas preskaŭ prava. Koleru bone dum du, tri tagoj — sed poste pripensu — devigu vian dekstran manon je la konata movado al la monujo, elprenu sen troaj larmoj la du spesmilojn kaj donu ilin rapide al via Delegito. La operacio ne estas tro doloriga, post kelkjara ripetado vi ne plu sentos ĝin. Plie, ĉar ni garantias ke nenion specialan vi ricevos por via mono, vi ege estos rekompencata per la malofta sento ke vi faris bonan agon sen ia privata intereso. « Sed, ĉu serioza afero, ekzamenita de kompetentuloj ? » Certe, aprobis ĝin post diskutado nia dua kongreso kiu per netaj ciferoj konvinkiĝis ke U. E. A. ne povas daŭrigi siajn diversajn servojn se la granda nombro de la membroj kontentiĝas de sola pagado de kotizaĵo tute malgranda, tiel fiksita nur por ebligi la aliĝon al la plej malriĉa samideano.

Amiko ! Se, vojaĝante, vi ne estas ŝtelata de la hotelistoj dank'al la precizaj informoj de via Gvidfolio, se vi uzas la afablajn servojn de la Delegitoj, se pro indiko de plej taŭga biletaro parto de viaj karaj spesmiloj restas en via poŝo aŭ ili eĉ plimultiĝas per gajniga komerco esperante pritraktita, tiam — kaj precipe kiam vi sukcesas per Esperanto trovi novan interesan ideon, bonan amikon aŭ belan fraŭlinon kiun vi amindumas dum kongreso — tiam, kiel en multaj similaj okazoj, memoru ke ĝi estis ebligata de U.E.A. per serioza laboro kaj grandaj kostoj.

Estas ie ajn en Ĝenevo ĉambraro, nomita Centra Oficejo. En ĝi la tutan tagon skribmaŝinoj aŭdigas sian ĝojan esperantan kanteton, estas klasigataj miloj da membrolistoj laŭ la diversaj statistikaj bezonoj, dum flanke amaso da membrokartoj kaj jarlibroj, pretigitaj de lertaj oficistoj, atendas la vojaĝon en ĉiujn partojn de l'mondo. En aliaj ĉambroj vi vidus la alvenon de la leteroj, demandoj, proponoj, mendoj, post tralego transdonotaj al la diversaj fakoj por la ĉiam postulita « tuja respondo » ; vi vidus la ĉefredaktoron cerbumanta pri sia proksima ĉefartikolo, la kasiston kiu studas pri la nesolvebla problemo egaligi ambaŭ flankojn de l'bilanco ; vi vidus — nun vi vidus ankoraŭ multe. Tial venu, rigardu (sed ne tro longe, nia labortempo valoras) kaj kiel la aliaj vizitintoj vi miros, ne ke ni bezonas monon, sed ke la deficito ne estas multe pli granda.

En ĉiu ŝtato la impostoj pagiĝas laŭ la posedajo. Nia ŝtato, deziranta egalpaŝi kun la aliaj sur la vojo de socia egaligo, kreis la kategorion de la laŭvolaj subtenantoj: necesa institucio por ke estonte vi ne plu ruĝiĝu je la penso ke el via tuta havo vi ne donas pli multe ol penlaboristo el sia gajneto. Se vi kalkulus ke laŭ proporcia oficiala taksado ne du, sed eble dekfoje pliajn spesmilojn oni forprenus, vi laŭdus Dion por la modesteco de nia ŝtateto kaj plenumus ĝoje vian devon.

Jen, kara amiko, kion tute private mi volis klarigi. Mi scias vin inteligenta kaj bonkora. Vi postulegos de via Delegito la formulon por subskribi. Poste vi rakontos al viaj konatoj ke via profunda kono de la esperantaj aferoj jam de longe vin konvinkis pri la neceso de pliaj rimedoj; vi varbos multegon da aliaj subtenantoj, kiuj subskribos, ĉiu laŭ sia povo. — U. E. A. ĝojos; ĝojos la oficistoj pri la certigo de sia situacio, ĝojos la Direktoroj, ke sur forta financa bazo, garantiita por kelkaj jaroj, ili povos konduki la asocion al novaj sukcesoj. La profito estos al la membroj. Reala per la servoj, ideala pro la do nita pruvo de esperantia solidareco.

*Samideane.* Ed. St.

# Esperantia Parolejo

### Projekto por facila pago de izolaj kotizaĵoj

Kiam delegito de U. E. A. varbas novan membron, estas necese, ke li tuj sendu lian aliĝon en Genève, por ke tiu membro ricevu tuj sian membrokarton, kaj la jarlibron. Sed la sendo de 0.38 Sm. estas tre kosta, ĉu per poŝtmandato, ĉu per respondkuponoj. — Kaj tiu malfacilaĵo povas malhelpi, ke iuj delegitoj sendu tuj la novajn aliĝojn — kio tamen estas nepre farinda.

Estis jam proponitaj diversaj rimedoj por faciligi la internaciajn pagojn inter la membroj de U. E. A. Sed ĉiuj projektoj estis neeblaj, ĉar ili kontraŭstaris, ĉu al la poŝtaj, ĉu al la fiskaj reguloj de tiu ĉi aŭ tiu alia regno.

Mi do tie proponas rimedon ne por ĉiuj pagoj, sed nur por pago de izolitaj kotizaĵoj.

1e. — Pri la poŝtaj kondiĉoj:

Estas necese, ke estu uzita ne fermita letero, sed poŝtkarto, pro la malalta kosto de transsendo (0.04 Sm.). Sed estas necese, ke *nenio* estu surgluita sur la karto.

2e. — Pri la fiskaj kondiĉoj.

Estas necese, ke la papero ne estu ŝanĝebla kontraŭ mono; ĉar tiel ĝi devus pagi (almenaŭ en kelkaj regnoj) fiskajn impostojn.

Mi do proponas ke U. E. A. eldonu specialajn poŝtkartojn (ekz. de speciala koloro) kun formulo kiu permesus la enskribon de *unu* nomo de nova membro.

Tiuj kartoj estu venditaj al la Del. po 0.38 Sm. por ĉiu karto (t. e. la preciza pago de unu kotizaĵo). Ĉiu delegito aĉetus per antaŭpago tiun nombron de kartoj kiujn li opinius uzotaj por novaj membroj dum la jaro. Tiel la sendo de ĉiu nova kotizaĵo kostus al la Del. nur la poŝtmarkon por poŝtkarto t. e. 4 sd. La antaŭpago de kelkaj el tiuj specialaj kartoj estus preskaŭ nenio por ĉiu Del. Tamen tiuj antaŭpagoj donus iun sumon en la kaso de U. E. A. kaj ne necesigus enskribon sur persona kalkulo. Tiu rimedo ne kontraŭstarus la poŝtajn regulojn ĉar nenio estus algluita sur la karto. Ĝi ankaŭ ne kontraŭstarus la fiskajn regulojn ĉar tiuj kartoj ne estus *monigeblaj* (t. e. ŝanĝeblaj kontraŭ mono). Je la piedo de la karto estus nur enskribita tiu frazo: « La pago de tiu kotizaĵo estis antaŭpagita ».

Mi opinias ke tiu rimedo de pago instigus la Delegitojn, ke ili sendu tuj la kotizaĵojn de la novaj membroj; kaj, laŭ mi, ĉiu tuja sendo estas kondiĉo de efika propagando.

M. Laignier (Del. Reims).

Ni volonte publikigis tiun proponon, kiu estos ankoraŭ pristudata de la C. O. de U. E. A., sed ni rimarkigas, ke jam de nun ekzistas simpla sistemo por pagi izolajn kotizaĵojn kun minimumaj elspezoj. Ĝi konsistas en tio ke la Del. malfermigas al si konton ĉe la centra kaso de U. E. A. Tiel ili nur bezonas sendi al ni 4 spesdekan poŝtkarton por transdoni al ni la aliĝojn. Sendi monprovizon aŭ antaŭe pagi kotizaĵojn estas por la Del. tute same kaj la supereco de la unua sistemo super la dua estas, ke ĝi permesas pagi ne nur membrajn kotizaĵojn, sed kotizaĵojn de aliaj kategorioj (arobantaj, fakaj, subtenantaj) kaj Esperantiaĵojn — kio kun la proponita sistemo necesigus la uzon de multnombraj formuloj kaj tiel fariĝus tro komplika. (Dir.).

**Oni proponas:**

.*. *S-ro Litauer.* Esp-iano en Varsovio, proponas ke U. E. A. eldonu ŝildojn por Del.; 2e oni anstataŭigu la vorton delegito per helpanto aŭ Konsul — helpanto.

— Rilate al la unua propono, ni povas diri ke ni jam de kelka tempo okupas nin pri ĝi, sed la demando estas pli komplika ol ĝi ŝajnas, ĉar la ŝildo devas esti sufiĉe alloga, ne kara kaj sendebla en oportuna kaj ne tro kosta maniero. Ni esperas, ke ni povos baldaŭ doni pliajn detalojn pri tiu punkto. Rilate al la dua sugesto, ni rimarkigas, ke simila propono farita ĉe la 1a kongreso de U. E. A., estis preskaŭ unuanime malakceptita. (Kongresa Dokumentaro, 1a kongreso, paĝ. 42, 43, 109, 135).

.*. S-ro *J. Pion-Muller,* en Beaune (Franc.), proponas, ke oni aldonu al la Oficiala Jarlibro poŝeton por la membrokarto kaj blankajn foliojn por notoj.

# Esperantia Vivo

**Edziĝo.** — Ni havas la plezuron anonci la edziĝon de nia kara kunlaboranto Edmond Privat, Komitatano de U. E. A., kun F-ino Angele Fallot, el Parizo, Esperantistino.

# Fakaj Societoj

### Tutmonda amikaro de Publikofistoj (T. P. A.)

*Oficiala informilo.*

Dum la Sepa okazis du kunvenoj de tiu societo, kies 140 anoj apartenas al 17 landoj. Estas aprobitaj la financaj kalkuloj kaj la klopodoj de la provizora estraro. Oni alprenas la regularon de la societo kaj balotas la novan estraron. Kiel organo de la societo estas unuanime akceptita la elekto de jurnalo « ESPERANTO », kiu bonvolas akcepti niajn oficialajn komunikaĵojn. Por pluaj informoj, sin turni al S-ro Douré, prezidanto, 10, rue Charles-Divry, Paris.

# Alvokoj

### Pri kooperativismo

La ĉefa redaktisto del l'organo de grava societo por la alcentrigo kaj plibonigo de l'Kooperativismo promesis al mi represi artikolon interesan por siaj legantoj *verkitan en Esperanto.* Tial mi petas sendi afable raporton pri evoluado, nekutimaj aplikaĵoj de l'Koop. ideo ĉu iu ajn iom malproksima lando (citu la gajnodividadon, mem produktadon, k. t. p.) La artikolo kiu portos nomon kaj landon de l'verkinto, devas esti lerte verkita uzante novajn vortojn, nur se oni tuj komprenas ilin, ĉar mi aldonos germanan tradukon. Mi raportos pri la sukceso al la afabla sendinto.

Adresu al S-ro E. Wengler.
*Essen-Ruhr* S. 45. Regiaenstr 20-I.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

Ni atentigas la personojn, enskribitajn sub tiu rubriko, ke ili devas konsideri kiel *devon* kaj *honoron* respondi almenaŭ *unufoje* al ĉiuj personoj, kiuj skribos al ili laŭ tiuj anoncoj. Ciuj korespondantoj skribu sian adreson plej legeble (en nacia lingvo), se eble per stampo.

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* b.fl. = *bildflanko.*

Portsmouth (Anglujo). — S-ro Rupert H. Torrigton, 214, Newcome, Rd. PI. b. fl.

Menomonee Falls (Usono, Wis.). — S-ro James Baer ; PI.

Kiŝinev (Rusujo, Besarabio). — S-ro V. Vozdviĵenskij, Gogol, 4, interŝanĝas fotografaĵojn stereoskopajn (4.5 × 10.7, aŭ aliajn).

Joigny (Francujo, Yonne). — S-ro Charles Bertheau, 48, rue Basse-Pêcherie ; PI., PM., L. (kun ĉiuj landoj).

Essen-Ruhr (Germanujo). — S-ro M. Tung, Rubens-str, 11 ; PI., PM.

Grenoble (Francujo). — F-ino C. Ploussu, Place Achard, 4, L. (kun Anglinoj, reciproka peresperanta korektado de naciaj leteroj).

Posieux (Svisujo, Fribourg). S-ro J. Vanniez ; L. (pri kulturado) PI., bfl.

Woodland (Usono, Mich.). — S-ro A. Mote, PI., L. (kun ĉiuj samideanoj).

Arta (Grekujo). — S-ro Konstantopulos, kore dankas pro ĉiuj respondoj al lia anonco ; sed bedaŭras ke li ne havas sufiĉe da tempo por respondi al ĉiuj.

Dijon (Francujo). — F-ino J. Jacotot, 23, rue Devosge ; PI (kun nefrancoj).

Dijon (Francujo). — F-ino Tonichon, 49, rue de Gray ; PI., L.

Menomonee Falls (Usono, Wis.). — S-ro Harry Blair ; PI., PM.

České Budějovice (Bohemujo). — S-ro Vojt. Matcůs, Jirovcova ul 12.

Flæha (Germanujo). — S-ro Fritz Rehwaben, Komercisto, Ad. Ŝpinejo Clauss Nchf. Pl., PM,, L.

Saint-Etienne (Francujo, Loire). — S-ro A. Bouchard, 117, rue d'Annonay ; Pl. (kun gesamideanoj).

Trojan (Bulgarie). — S-ro Mičo K. Canoff. Pl. (kun gesamideanoj).

Kiev (Rusujo). — S-ro Nikolao Goralevič, Bolŝaja Vladimirskaja str. 74, l. 4 ; Pl.

Manchester (Anglujo). — S-ro J. B. Young, The Athenaeum ; Pl.

Boulogne-sur-Mer (Francujo). — S-ro Victor Haigneré, internacioj transportoj, 149, rue du Moulin-à-Vapeur, Pl.

Vysoky Chlumec (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro E. Donhal ; Pl., PM.

Barcelono (Hispanujo). — S-ro J. Trius, St. Martinez de la Rosa, 53, 3. °, Pl., b. fl.

Stavropol (Rusujo, Kaŭkazo). — S-ro Aleksandro Ignatjev, Olginskaja, 13 ; Pl.

Zolotonoŝa (Rusujo, gub. Poltav). — S-ro Arnold Berŝtejn ; Pl., L. (kun ĉiuj, pri ĉiaj temoj).

Wien IX (Aŭstrio), — S-ro M. Hlavaček, Pfluggasse, 5, Mezzanin, 10 ; L. Pl. bfl. (precipe kun Angloj kaj Rusoj).

Nové Mésto (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Dobromir Pekarek, Zdàrskà, 37 ; L., Pl. (pri ĉiaj aferoj).

Kiew (Rusujo). — S-ro Mječislavo Lučko, Granda Vasilkovskaja, 37, Pl.

Saint-Peterburgo (Rusujo). — S-ro V. Ŝkunov, Furŝtadskaja, 2, kv. 12, Pl., L.

Philadelphia (Usono, Pa.). — S-ro C. C. Coigne, 2157 E. Cumberland St. ; L., Pl. (kun samid. ĉie, kaj socialistoj, kaj vegetaranoj).

Krakow (Aŭstrio, Galicio). — S-ro Antonio Grabski, Stolarska, 6, Pl.

Doboj (Aŭstrio, Bosnio). — S-ro Duro Vojkovič, Apotekisto ; Pl., L. (ĉiulaud. krom Aŭstr. kaj germ.).

Paris (Francujo). — S-ro Prime Paul, 89, Avenue d'Italie ; Pl. (kun ĉiuj eksterеŭropanoj en Azio, Afriko, Ameriko, kaj Oceanio.

Romans (Franc.). — Kolonel-leŭtenanto Pillon aĉetas, interŝ. kaj ĉedas PM.

Brünn (Aŭstrio, Moravio). — S-ro G. Neubauer, ĉe Lichtensternako Kœrnergasse 4 ; Pl., L., PM. kaj fotografaj, kun ĉiuland. samid., prefere ekster Eŭropo.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

FOTOGRAFAĴOJN STEREOSKOPAJN (4.5 × 10.7, aŭ aliajn) interŝanĝas S-ro V. Vozdvijenskij, Gogol, 4, Kiŝinev (Rusujo, Besarabio).

MALNOVAJN NUMEROJN DE ESPERANTO 87 KAJ 91, deziras aĉeti S-ro Emiljano Loth, Počtovij jaŝĉik, 95, Varsovio, Rusujo.

ESPERANTISMUS A JEHO SVETOVA ORGANISACE U. E. A., kiu montras la utilon de nia organizo, bonegan broŝuron de Prof. R. Fridrich ; l'ekzemplero 13 heleroj, 5 = du respondkuponoj ; sendas nur kontante, S-ro Adolf Hajek, oficisto ĉe Wichterle en Prostejov, Moravio.

ANGLA UNIVERSITATA STUDENTO (membro kaj eks Delegito de U. E. A.) serĉas ian ajn oficon kiel instruisto de angla lingvo, Esperanto, k. c. Proponojn sendu al : — « Anglo » ĉe Esperantio, 10, rue de la Bourse, Genève.

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastian (Hispanujo).

ATENTU ! Bonvolu antaŭsendi Mk 1 (1 fr. 25) kaj vi ricevos sukcesplenan novan kanton : *Mi amas vin* (5 ekz. Mk 4. — Fr. 5 ; 12 ekz. Mk 8. — Fr. 10 ; 20 ekz. Mk 12. — Fr. 15 ; 40 ekz. Mk 20. — Fr. 25. — S-ro Felix Hlobil, Valaŝ. Meziriĉi, Austrio-Moravio.

SERIOZA RIPREZENTADO. — Firmo kiu tion serĉas en Germanujo, por enkonduki iun ajn artikolon, donu adreson kun proponoj al : H. Fischer, 46, Westwall, Krefeld, German. (li mem pagas vojaĝkostojn).

HAPSAL (Rusujo, Estlando). — Fotografejo Gruntal dankas ĉiujn siajn korespondantojn kaj petas al li plu nenion skribi. Al ĉiuj respondos.

FAMILIA PENSIONO en ĉarma loko. F-ino Cianferoni, Lung' Arno Acciainoli 2 bis. Firenzo Oni parolas Esperante.

EKSPEDA FIRMO. — Krook Persson, en *Lübeck*. Ekspedoj al Nordo. Eksport- kaj importkomisioj. Adreso : G. Klefe, Unterave 8, Lubeck, German.

## Kvaroncentjara SPERTO pri Publikigarto



★ ★ ILUSTRIGU

*VIAJN*

ENPRESAĴOJN

*KAJ*

*ĈIUJN VIAJN*

PRESAĴOJN

*PER*

*LA*

PUBLICITE

Esperanto

HERLEMONT

**25, rue Saint-Vincent-de-Paul, PARIS (X<sup>e</sup>)**

Grafikaj Artoj de Publicite " ESPERANTO ", Herlemont

---

Organo de la Lingva Komitato, de la Konstanta Komitato de la Kongresoj kaj de la Internacia *Financa* Konsilantaro.

# Oficiala Gazeto Esperantista

Jara abono : 2 Sm.;
Unu numero : Sm. 0.200

*Redakcio kaj Administracio :*

PARIZO. — 51, rue de Clichy, 51. — PARIZO

**El la Decidaro de la Sesa kongreso :**

La sesa Kongreso memorigas al ĉiuj societoj kaj grupoj, ke la abono al Oficiala Gazeto estas unu el la plej bonaj rimedoj por helpi finance la oficialajn institucioјn de Esperanto, kaj por esti regule informata pri iliaj laboroj.

---




VAN DE STADTS

**ALUMINIA LUTO VERA**

ĜENERALA AGENTO :

**J. VAN DE STADT,**

*12, Avenue de Keyser, Antverdeno, Belglando.*

---

**SAMIDEANOJ, ATENTU!**



**Novajn insignojn**

**fabrikas la firmo**

## H.-E.-D. AUDOIN

*81, Rue de Beaubourg, PARIZO*

Pingloj, Broĉoj, Ĉenpendaĵoj, Ĉapelpingloj por sinjorinoj, Butonoj por manumoj kaj butontruoj; emajlitaj flagetoj por ĉapoj.

Flagoj, Flagetoj, Signaloj, Gvidiloj, Standardoj Medaloj, Metalmarkoj, Diplomoj, Brodaĵoj, Mortotukoj.

Specialaj modeloj registrigitaj. Grava rabato al vendistoj kaj esperantistaj grupoj 15 0/0

La firmo povas fabriki ĉiajn specialajn signojn aŭ Standardojn kun surskribo laŭvole por Grupoj, societoj, k. t. p.
Riĉaj insignoj el arĝento kaj el oro

*Petu la senpagan, ilustritan kaj kolorigitan katalogon kaj adresu ĉiujn leterojn al*

**S-ro Albert DUPUIS**

Ĝenerala Agento

**2, rue de l'Arc-de-Triomphe, PARIS (XVII<sup>e</sup>)**

kiu tuj respondos

---

# "Pelikan"

Tra la tuta mondo la nomo estas konata. Ĉu ĝi ne ankaŭ troviĝas sur via inkboteleto? Se ne, tuj provu inkon "Pelikan"! Ĝi estas fabrikaĵo de perfekta kvalito, same kiel skribrubandoj kaj karbopaperoj de l'marko "Pelikan". Via paperisto ilin liveras al vi, sed postulu la markon "Pelikan"! Prospekto esperanta № 215 senpage sendata de la fabrikanto

Günther Wagner Hannover (Germanujo) kaj Vieno

---

BORDEAUX-VINOJ

# Firmo Emile LAMY, Posedanto

*BORDEAUX (Franclando)*

Vinoj de Tablo. Ruĝaj kaj Blankaj, per barelo aŭ duonbarelo.

Vinoj Maljunaj. — Ruĝaj kaj Blankaj, per barelo, duonbarelo, kvaronbarelo, aŭ per kesto, diversspeca.

*Likvoroj de Vinoj — Alkoholoj — Ĉampanoj.*

Sin turni al S<sup>ro</sup> **Arnoux**, sola agento, 11, strato Chaligny, Paris Franclando). Sendo de specimenoj laŭ peto. Oni korespondas Esperante.

---

*La Administranto (Gérant) :* Michaud

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).



## DIETO POR
# ARTRITISMULOJ




TRINKI ĈIUMANĜE

# VICHY CELESTINS

EN ĈIUJ TRINKEJOJ :

UNU **KVARON** BOTELO

*MALSATIGA*
*Antaŭ la Manĝo*

*DIGESTIGA*
*Post la Manĝo*

Grafikaj Artoj de Publicité " ESPERANTO ", Herlemont.

---

**? ? ? ? ?**

De S-ro René de Saussure :

**Aline,** rakonto, trad. el la franca lingvo Sm. 1.—
**La Devo,** parolado de prof. E. Naville, afr. Sm. 0.90.
**Valso Esperanto,** de S-ino René de Saussure, Sm. 1.10.

---

**En Svislando,** el verkoj de svisaj aŭtoroj elektis kaj tradukis E. Ramo, afrankite, Sm. 1.35.
**Per espero al despero,** dek originalaj poemoj de D-ro St Schulhof. Afranke, Sm. 0.34.
**Kion la vivo alportis,** dek originalaj poemoj de D-ro St Schulhof, afrankite, Sm. 0.28.
**La Kato,** de D-ro J. Rajberti, trad. A. Tellini, Sm. 0.20.
**Jolanto,** la filino de l'reĝo René, de H. Hertz, lirika dramo en unu akto, afrankite, Sm. 0.38.
**La Verko de Zamenhof,** parolado de H. Hodler, direktoro de U. E. A., afrankite, Sm. 0.06.
**A... B... C...,** noveleto de E. Orzeszko, Sm. 0.20.
**Unuaj agordoj...,** poezioj de Wiktor Elski kaj Eska; ordinara eldono, Sm. 0.20; luksa eldono, Sm. 0.30; lukse bindita, Sm. 0.60.
*Aldoni 10 %* por afranko !
**Ostlorn,** vilaĝaj skizoj de S. Ulfers, broŝurita Sm. 1.65; bindita, Sm. 2.05; aldoni por afranke, Sm. 0.25.
**Viva kaj malviva,** de M.-J. Goldŝtejn, interesa biologia studo, afrankite, Sm. 0.40.

**Insignoj kaj esperantaj ornamajoj laŭ granda elekto Petu la kolore ilustritan katalogon**

Ni abonigas al ĉiuj esperantaj gazetoj kaj liveras esp. verkojn je originalaj prezoj. Oni povas mendi laŭ iu ajn katalogo.

UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO
Genève, Svisl., 10, Rue de la Bourse

---

## SILKAJ ESPERANTAJ PROPAGANDILOJ

El belaj verdstelumitaj ŝtofoj. Universala uzado.

| | | | |
|---|---|---|---|
| Flageto, | 0.420 Sm. | Ĉapelpinglo, | 0.560 Sm. |
| Brakbanto, | 0.400 Sm. | Vualskarpo, | 1.320 Sm. |
| Kravatoj, | 0.500 Sm. | Rubando, metro, | 0.800 Sm. |

*Silka portreto de* **D-ro Zamenhof** *sur poŝtkarto, 0.300 Sm.*
Kontraŭ respondkupono oni ricevas flageton kaj ilustritan prezaron. — Rabato pogrande. **B. PEYRAUD**, V.-Del. U. E. A., 54, rue Préfecture, **Saint-Etienne (Franc.).**

---

**MIRALETTRE** (Leterpapero sen koverto) necesega por ĉiu

Specimenoj (verde presitaj steloj por *Poŝtkupono.*

*ESPERANTO*, 25, rue Saint-Vincent-de-Paul, PARIS (X-e)

---

Kontraŭ
**Reŭmatismoj, Iskiatiko, Lumbago, k. a.**
*la negrasaĵa balzamo*
# "ASARCOS"
**estas la plej efika kaj la plej pura el ĉiuj eksteraj kuraciloj.**

Sendo kontraŭ poŝtmandato da :
por Francujo : frankoj **2** » (Sm o.80)
por Fremdlandoj : » **2.25** (Sm o.90)
Skribu al S.ro J. BOUGE, farmaciisto, GRASSE (Francujo).

---

# HOTELO
## LOUIS-LE-GRAND
**2, rue Louis-le-Grand, PARIS**

En belega loko, inter la rue de la Paix kaj Avenue de l'Opéra. Moderaj prezoj. Oni parolas en Esperanto. English Spoken. Man spricht Deutsch. Se habla Espanol.

---

# HISTORIO DE LA PAPARO

de Sankta Petro ĝis Pio X, ilustrita per 264 miniaturpentritaj poŝtkartoj. Prezo = Frankoj 25, afrankite.

Eleganta albumo kun haŭtokovrita bindajo kaj miniaturpentrita pergameno. Prezo = Frankoj 25, afrankite.

Albumo kun pergamenkovrita bindajo. Prezo = Frankoj 8, afrankite.

Sendante la mendon kun antaŭpago, diru ĉu la ekspedotan kolekton oni deziras kun itala, franca, angla, germana, hispana traduko de la legendoj.
Specimenoj sendataj senpage ĉiulanden laŭ peto.
Sin turni al la

**Societa Armanino Genova-Italujo**